# NI DEVAS VIVI

„Mondlingvoj" estas pli ol sufiĉaj. Ili vegetas. Esperanto marŝas. Ĉu vi scias, kial? Legu tekston en unu el la „mondlingvoj". Legu la saman en Esperanto. Tie vi sentos enuon, kvazaŭ vi legus ciferojn; ĉi tie vi sentos pulsadon de vivo. Ĉu vi scias, kial?

La lingvo ne konsistas nur el vortoj, same kiel la mozaikbildo ne konsistas nur el ŝtonoj. Krom ili kaj antaŭ ili, devas enesti spirito. Ĝin donas arto, literaturo.

Zamenhof tre bone sciis tion.

Ĉu nia lingvo estus nia lingvo sen *Hamlet*, *Ifigenio* ktp., kaj sen *La Faraono*, kaj sen *Sinjoro Tadeo* ktp. ktp. Tiu grandega arta laboro, kiu en ili kaŝiĝas, estas la fermentilo de nia lingvo, kiu, pere, efikas vian parolon eĉ se neniam vi legis tiujn librojn. Logiko donas mirinde perfektajn kreaĵojn de lingvo. Sed ili staras kovrite de polvo, kvazaŭ estaĵoj el argilo. La kreaĵon de Zamenhof alspiris la arto kaj vidu, ĝi marŝas, spiras, kreskas. Kiu povus ĝin diferencigi de vivanta organismo!

Do — ĉu vi jam scias kial *vivas* nia lingvo?

*

Sed tiu inspiro ne efikas unufoje por ĉiam. Ĝin oni devas ĉiam renovigi, refreŝigi. Ĉi tiun taskon, per la helpo de la plej bonaj Esp. stilistoj kaj lingvartistoj, surprenis nia revuo, la

LITERATURA MONDO

Sed ne pensu ke, abonante la revuon vi oferas, nenion ricevonte, vian monon por tiu ideala celo de refreŝigo. La revuo povas doni ion novan eĉ al la plej bona konanto de literaturo.

1. Per ĝi oni povas ekkoni la grandajn verkistojn de la malgrandaj nacioj por kio alie oni apenaŭ havus okazon.

2. Nia *Mondliteratura Observo* orientas pri vivo kaj spirito de grandaj naciaj verkistoj, pri gravaj verkoj, teatraĵoj ktp.

3. Nia rubriko *Arto kaj artistoj* pritraktas laŭvice la grandajn geniojn de l'kreanta arto, donante tiel iom post iom tutan arthistorion, riĉe ilustritan per reproduktaĵoj.

4. Nia *Bibliografio* per konscienca kaj detala laboro pritraktas la okazaĵojn de nia literatura vivo.

5. Lastvice, sed ne lastrange: ni volas doni lokon por la originala Esp. literaturo. Ĝi neniam evoluos, se ĝi ne havos okazon atingi la legantaron. Ankaŭ ĝis nun ni sukcesis ekparoligi junajn talentulojn, kio estas nia ĉefa fiero.

Kion ni povus doni, se ni havus kvinmil abonantojn, pri tio ni ne parolas, ĉar ĝi ŝajnus al vi fabelo.

*

*KARA LEGANTO!* Post la lego de ĉi tiuj linioj espereble vi konscios pri la graveco de tio, ke la sola literatura kaj arta organo ne pereu, sed daŭre vivante plenumu la surprenitan kaj tiel gravan taskon.

Ne atendu ĝis la efiko de ĉi tiuj linioj forflugos el via animo, sed

**ABONU KAJ ABONIGU TUJ!**

UNU NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**NEPRE ABONIGU PER VIA GRUPO ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

Niaj eldonaĵoj estas vere eminentaj okazaĵoj en la Esperanta literaturo.

1. *PRETER LA VIVO* de Julio *Baghy* prezentas frapante abundan trezoron de la poezia belo. Liaj poemoj estas jam klasikaĵoj de nia literaturo. Lia profunda sento, forma perfekteco kaj lingva majstreco rajte donas al li la epiteton: Minstrelo de la Nova Sento, kiu inde ricevas ĉijare la kronon de la Akademio.

2. *JOHANO LA BRAVA* de *Petőfi* estas versa verko havanta la apartan ĉarmon de la popolfabeloj, ilian florpolvan freŝecon, dolĉan naivecon, krome — la intereson de strangaj kaj frapantaj aventuroj, kiajn elpensi povas nur la freŝa fantazio de l' popolo. La traduko ĝuigas en si la rafinitan lertecon de versteknikо kun la plej granda majstreco: kun tiu de la simpleco. Ĝi surprizas eĉ tiujn, kiuj konas la talenton de la tradukinto: K. de *Kalocsay*.

3. *MODERNAJ ROBINZONOJ*, de Teodoro *Shwartz*, estas interesa en plej bona senco de la vorto. La aventuroj de forkurintaj militkaptitoj en la siberiaj praarbaroj, inter ventegoj, malsatoj, persekutoj, duonsovaĝaj indiĝenoj, certe frapos ĉiun leganton. Apartan valoron donas al la libro ĝia stilo: simpla, preskaŭ skiza, kiu tamen, ĝuste per tio, havas grandan espriman forton kaj sentigas ian karan simpatian facilanimecon. Ĉiuj libroj estas *malkaraj*. (1 svisa franko aŭ egalvaloro.)

# FANTOMA EDZINO

EDUARD S. PAYSON*



Alte sur la Tondra Monto je la fino de l'pinto elstaranta super la valo, tenis sin la kabano de la kuracisto, kvazaŭ falka nesto. Dum la tago ĝi montriĝis kontraŭ la arboj kiel blanka makulo kiun oni povus supozi ŝtonego aŭ eĉ, ekbrilo de la flugo de falko kiam ĝi pendas preta por flugi.

Nokte lampo kaj triobla rebrililo flamis super la pordo simile al stelo, sendante sian proponon de helpo mejlojn laŭ la ondosimilaj kurboj de la monto.

La kabano de la kuracisto estis, sur la Tondra Monto, la sola domo kiu estis videbla de malproksime. La aliaj estis kaŝitaj en golfetoj, aŭ tendegoj faritaj de torentoj de akvo, kie oni provis trovi rifuĝejon kontraŭ la glaciaj ventoj de vintro, kie oni provis facile provizi multe da fajroligno; kaj kie kelkaj kvadrataj metroj da ebena tero por legomĝardeno estis haveblaj. La kabano de la kuracisto, tamen, sin klinis kontraŭ la roko mem de la monto, kaj sentime sukcese batalis kontraŭ la ekblovegoj de la orienta vento. Ĝi kvazaŭ montris la karakteron de sia posedanto.

Sekvate de maljuna hundo la kuracisto venis malrapide el la kabano. Momenton li staris kaj rigardis ĉirkaŭen. Fine li paŝis sur la krudan benkon antaŭ la pordo kaj fiksis la lampon en ĝian lokon, malantaŭ la dikaj lensoj, poste li sidiĝis sur la benkon kaj sencele rigardis orienten.

Li estis tre laca; lia koro estis premata kaj li spiris malfacile. Dum la tuta tago li estis piedirinta laŭ la monto; kunportante la ŝajnigitan gajecon, kiun kuracisto trovas tiel necesa kiel la medikamenton.

Antaŭ kvin jaroj li estis kondukinta sian edzinon al la Tondra Monto, en lasta peno savi ŝian vivon, kaj kiam ŝi mortis, li ekkonsciis pri tio ke li ne povas foriri.

De malproksime kaj de proksime la homoj amase venis por peti lian helpon. Malkleraj, malriĉegaj, malafablaj, suspektemaj ili donis al li malmulte da konfido, kaj malpli multe da mono, ili kvazaŭ ekposedis lin por siaj bezonoj.

Vane li diris al si, ke lia foriro lasos ilin samstataj, kiaj li trovis ilin antaŭ multaj monatoj. La vortoj portis al li nenian memkonfidon. Per lia servo al ili li prenis sur sin la devon servi. Krom tio, Maria estis mortinta, kaj lia koro estis kvazaŭ enterigita kun ŝi. Pro tio li restadis — dum kvin longaj jaroj.

Ofte, por konsoli sin, li deklaris, ke nenia mal ĝojo estas ĉiamdaŭra, ke la tempo resanigo ĉiujn kordolorojn; ke la memoro, rigardant malantaŭen, pli aŭ malpli frue ridetos pri la antaŭaj forgesitaj larmoj.

Li mem, tamen, neniam forgesis. La lum elpaliĝis el la ĉielo; kvankam, malproksim, promeso de lunlumo arĝentigis la suprajon de la preskaŭ nevidebla altaĵo, kiu limigis la valon ĉe oriento. Mallumeco enfluis kvazaŭ silenta tajdo; ĝi ondadis tien kaj reen, alfluetante ĉe liaj piedoj — maro da stelolumigita ombro.

Senlime sub li, kaj senlime malproksime, la lumoj de la vilaĝo grupiĝis kvazaŭ intermiksitaj lampiroj. Subite la kuracisto etendis siajn brakojn al la malplenaĵo. „*Maria! Maria!*" li ekkriis pasie. „*Parolu al mi, karulino! Sendu al mi ian signon por montri, ke vi atendas min trans la baroj de la korpo,* — ian memoraĵon por *montri, ke vi efektive ne estas mortinta!* Mi atendis de tiel longe, Maria! Mi vin vokis tiel ofte. Mia koro perdis sian kuraĝon. Mia kredo ŝanceliĝas. *Sendu al mi signon.*"

La preĝo formortis en la aero de la monto. La kuracisto staris senmove kun siaj brakoj etenditaj, aŭskultante por aŭdi respondon. Nokton post nokto, vintron kaj someron, jaron post jaro li jam ekkriis sian preĝon al la silentaj steloj; al la granda blanka luno; al la rapidfluaj nuboj; al la blindiganta neĝo. De tempo al tempo li estis preĝanta al ĉio reala kaj nereala; al Dio kaj homo; sed nenia respondo venis al li.

Al nekutimiĝinta orelo la nokto estis silenta. Al la orelo de la kuracisto ĝi svarmis en etaj bruetoj. Li aŭdis la riveretojn subridantaj laŭ la rokoj; la foliojn subparolantaj tra la aero; la glanojn falantaj kiel kugloj laŭ la deklivoj; la sciurojn dancantaj en la arbosuproj; la vulpon, la mefiton kaj la lutreolon ŝtele irantaj tra la subarbetaĵo; la sovaĝajn anserojn kvakantaj super lia kapo; la plumecan brueton de la flugiloj de granda, blanka strigo. Ĉiun sonon li konis, ĉiun sonon li jam aŭdis dum kvin longaj jaroj. Sed inter ili ĉiuj li neniam aŭdis flustron kiu parolis pri la virino kiun li amis.

Subite la hundo ĉe la piedoj de la kuracisto murmuregis kaj rigide staris montrante malsupren laŭ la kruta vojeto kiu kondukis for de la pordo. La kuracisto sin klinis antaŭen kaj aŭskultis ĝis kiam li aŭdis sonon malkonkordan kun la monta unutoneco, bruon faratan de iu, kuranta falete supren laŭ la vojeto.

Noktaj vizitantoj, kiuj venis rapidege, tute ne estis maloftaj ĉe la kabano de la kuracisto, sed tiu ĉi vizitanto venis tiel taŭge responde al lia alvoko, ke la kuracisto malgraŭvole estis iom mirigita. Tamen li rigardis malsupren laŭ la vojeto, kaj vokis per voĉo kiu tremis nur iomete: „He!" li ekkriis. „He!" — denove. „He! Ne rapidu, kuru pli facile. Vi estas jam preskaŭ ĉi tie." Nenia respondo aŭdiĝis, sed la kuracisto povis senti, ke la malpreciza rapideco de la kuranto ne estas malpli granda, kontraŭe ĝi plirapidiĝas. Li povis aŭdi ankaŭ alian sonon — sonon kiu, iam aŭdita, neniam estas forgesebla — la senduban susuron

* Honora Prezidanto de la Esperanto Asocio de Norda Ameriko.

de silka jupo. La hundo murmuregis furioze. La verto de la kuracisto pikpikis. Sufokiĝante, li penegis spiri. „Dio!" li ekkriis. „Se tio estus...!" Gracia figuro aperis el la mallumo kontraŭ la ora lumo de la granda lanterno: la formo de virino — senĉapela, kun senordaj haroj kaj ĉirkaŭŝirita jupo, spireganta, lacega, kun terurplenaj okuloj fikse rigardantaj. Ekvidinte ŝin, la hundo silente forŝteliĝis, sed la sinregado de la kuracisto revenis. Nenia fantoma vizitanto estis tio, sed suferanta virino. Li kaptis ŝin, kiam ŝi ekfalis. Nu! Nu! li diris konsoleme. „Ne timu! Via turmentado estas finita. Ĉio estas bona. *Ĉio estas bona.* — Nenio plu okazos al vi."

Babilantan sensence, la virino ekkaptis lin, kiel dronanta viro ekkaptas kian ajn pajlon, kiu eble subtenus lin dum superakvego. La kuracisto ŝin levis kaj atendis ĝis kiam ŝia paroksismo trankviliĝis.

Kiu ŝi estas kaj el kie ŝi venis, tion li ne sciis, kaj ne povis konjekti. Sed li povis facile kompreni ŝian staton. Iel ŝi estis disiĝinta de siaj amikoj kaj perdiĝis. De kiam ŝi vagadis, tion la kuracisto ne povis diri; eble ŝi vagadis kelkajn horojn kaj eble nur nemultajn momentojn.

La kuracisto sciis, kiel rapide kaj kiel tute povas la panika teruro, kiam ĝi venkas, subpremi la animojn de homoj perdiĝintaj en sovaĝejo. Tiu ĉi virino estis sin turmenteginta ĝis deliro. Ŝiaj trajtoj kaj ŝiaj manoj brulis pro febro. Paciencé la kuracisto atendis, dume trankvile murmurante.

Post kelke da tempo li sukcesis ŝin konduki ĝis la benko kaj ŝin sidigi. Sed, kvankam ŝi sidis, ŝi ankoraŭ tenis lin, rifuzante lin liberigi. Ŝi ŝajnis kompreni nenion kaj estis konscia pri nenio, escepte, ke li reprezentis sendanĝerecon. Kiam li zorgeme enŝovis la kompatan injektpikilon en ŝian brakon, ŝi ŝajne ne sciis pri tio. Baldaŭ, tamen, ŝiaj streĉitaj muskoloj malrigidiĝis kaj ŝiaj fingroj falis for de liaj brakoj. La kuracisto ŝin levis, portis ŝin en la senluman kabanon kaj metis ŝin sur la liton. Tiam li ekiris por venigi sian plej proksiman virinan najbaron, kiu loĝis duonmejlon for de li.

Post dudek minutoj li revenis sola, sed kun la certigo, ke la virino rapide sekvos lin. Senprokraste li eklumigis la lampon kaj rigardis sian pacienton. Ŝi estis duone kaŝita, sed io en la kurbo de ŝia vango kaj la fleksiĝo de ŝia formo akre haltigis la spiradon de la kuracisto. Lia koro ĉesis bati, flirtis, poste komencis bati fortege.

Kiel longe li staris tie tremante, li mem ne sciis; sed fine, li remetis la lampon kaj moviĝis antaŭen, paŝon post paŝo, ĝis kiam li staris super ŝi. Tiam li spiris rapide. „Ŝi ne estas — tiu, pri kiu dum momento li duone esperis, duone timis. Tamen ŝi estas tre simila", li pensis.

La torditaj trajtoj, kiujn li antaŭe vidis nur per la flirtanta lumo de la granda lanterno super la pordo, estis alprenintaj similecon tiel bone konatan — pli bone konatan al li ol la rebrilo de lia propra vizaĝo en spegulo.

Ili estis similaj — tre similaj al la trajtoj de lia mortinta edzino. Iu alia povus diri, ke ili estas ja la samaj. Sed la kuracisto sciis pli bone. Detalaj diferencoj, grandegaj al la okuloj de amo, montriĝis, dum li fikse rigardis. Ne, ŝi ne estas Maria! kompreneble ŝi ne estas Maria! — *Maria estas mortinta.*

La eniro de la maljuna monta virino, kiun li venigis, lin vekis.

— Envenu, sinjorino Lewis, — li diris. — Mi donis al ŝi injekton kaj vi ne vekos ŝin.

Sinjorino Lewis lametis al la litflanko kaj rigardis malsupren. Tiam ŝi mire suprenrigardis.

— Kion... kion vi deziras, ke mi faru? — ŝi demandis spiregante.

— Ne multe. Nur aranĝu liton por vi mem sur la kanapo kaj enlitiĝu. Veku min, se ŝi vekiĝos. Mi dormos ekstere en la flanka ĉambreto.

Sed la monta virino elpaŝis reen fikse rigardante per kavaj okuloj plenaj de teruro.

— Mi — mi timas, — ŝi murmuris.

— Sensencaĵo! — la kuracisto ordoneme parolis, sed lia vizaĝo estis tre blanka. — Sensencaĵo! Vi... vidas la similecon, mi supozas, sed... ho! tio estas sensencaĵo; sensencaĵo! — Lia voĉo fariĝis akra kaj tremis, sed li rapide refortigis ĝin. — Vaginte for de ie, ŝi perdiĝis, estis frapita de paniko kaj kuradis ĝis kiam ŝi preskaŭ sin mortigis. Ŝi estos pli sana morgaŭ matene, kaj tiam ŝi klarigos ĉion pri si.

Tion dirinte li eliris kaj fermis la pordon, neatentante al la ploretantaj protestoj de la maljuna virino. Li sentis la bezonon de rapideco. Lia koro pulsobatis pro nekonata teruro. Tuj, kiam li estis ekster la domo, li sidiĝis sur la benkon kaj kunpremis sian kapon per siaj manoj.

— Ne plu, — li diris al si, — mi povas dubi pri la simileco kiun montras mia vizitanto je mia mortinta edzino. Nura simileco ne estus povinta timigi sinjorinon Lewis, tio estas certa. Montaranoj estas trokredemaj, sed ne tiel kredemaj.

Malrapide liaj nervoj iomete trankviliĝis, kaj liaj pensoj fariĝis pli prudentaj. Fine li stariĝis preskaŭ trankvila kaj komencis konstrui hamakon por si en la flanka ĉambreto kontraŭ la ekstera muro. Tiam li reen eniris la ĉambron, rigardis sian pacienton kaj trovis ŝin dormanta trankvile. Sinjorino Lewis ne estis kuŝiĝinta. Ŝi sidis sur la rando de seĝo fikse rigardante ĉirkaŭ sin per timigitaj okuloj. Ŝi retiriĝis kiam la kuracisto turnis sin al ŝi.

Li balancis la kapon por kuraĝigi ŝin.

— Ĉio estas tre bona, sinjorino Lewis — li diris. — Enlitiĝu. — Tiam li eniris sian ĉambreton kaj penis dormi, sed longa tempo pasis antaŭ ol li ekdormis Dum kelke da horoj li maldormis, rigardante en la nemezureblan arkaĵon de vasteco, esperante, timante, sonĝante sonĝojn kiujn li timis formuli, por ke li vekiĝu.

Longan tempon li rigardis, ĝis kiam al liaj

konfuzitaj okuloj la ĉielo malfermiĝis kaj la tuta stelkovrita firmamento formiĝis en grandan ŝtupetaron similan al tiu sur kiu la antikva Izraelido vidis la kerubojn kaj la serafojn suprenirantaj kaj malsuprenirantaj. „Ĉu estus do tiel neeble“, li demandis al si, „ke unu homa animo, nur unu el la nekalkuleblaj miloj de Dio, venu respondante al mia voko malsupren laŭ tiu brila vojeto de la anĝeloj?“ Kaj tiel li demandis kaj sonĝis.

Kiam li vekiĝis, sinjorino Lewis estis for kaj lia paciento ne estis plisaniĝinta. Li devis iri por trovi alian helpantinon. Estis preskaŭ tagmezo antaŭ ol li povis forlasi la virinon kaj kuri al alia proksima kabano kaj serĉi virinon por anstataŭi sinjorinon Lewis. Post unu horo li revenis — sola. Kaj li restis sola! Neniu virino volis veni por lin helpi. Unuj malkonsentis ploreme; aliaj honteme: ankoraŭ aliaj timeme; sed ĉiuj rifuzis. Vane li petegis; vane li rememorigis servojn kiujn li estis sindone farinta por ili; vane li minacis; vane li proponis monon. Ili ĉiuj rifuzis veni. Ŝajne sinjorino Lewis estis bone farinta sian laboron. Li estis lasita sola por fari sian batalon, kaj sola li elfaris ĝin.

La scivolemaj montaranoj vagadis al lia kabano kaj tra la malfermita pordo rigardetis la liton



Fritz von Uhde — La sankta nokto

super kiu la kuracisto kliniĝis tiel persiste, kaj ili aŭskultis je la vortoj kiujn li mallaŭte diris. Sed ili rifuzis eniri, kaj post nelonge ili tute ĉesis veni.

La kuracisto estis indiferenta. Ĉian penson, ĉian energion de menso kaj korpo li donis por savi la junulinon. Tagon post tago li vidis, ke ŝi malgrasiĝas kaj plipaliĝas, *kaj tagon post tago li rimarkis, ke ŝia simileco al la memorata mortintino pligrandiĝas.*

Ŝiaj amikoj ne aperis. Komence la kuracisto atendis ilin ĉiumomente. Li sciis, ke ŝi nepre ne povis esti alveninta de pli ol nur malmulte da mejloj; li sciis, ke la tuta regiono estus resonanta pri la novaĵo de ŝia apero. Ĉio je ŝi montris, ke ŝi apartenas al riĉa kaj kulturita familio; ŝia vestaĵo, ŝia prizorgita haŭto kaj haroj kaj ungoj, ŝia maniero, eĉ dum ŝia deliro, ĉiuj pruvis tion. Estis nekredeble, ke tia junulino povis malaperi nerimarkite kaj ne esti serĉata. Sed ŝajnis, ke ĝuste tio okazis.

Fine la kuracisto kuregis senespere al la malgranda vilaĝo en la valo, trovis la korespondiston de la tiea ĵurnalo kaj petis, ke li sendu la rakonton pri ŝia alveno al la grandaj ĵurnaloj kaj tagĵurnalaj asocioj. Sed la tago pasis kaj nenio rezultis de ĉi tio.

Ŝajne la junulino estis falinta el la nuboj. La kuracisto ektimiĝis. La batado de lia koro lin alarmis.

„Ĉu estas reala forto en homaj preĝoj, kaj ĉu lia preĝo estis povinta ataki la pordegon de ĉielo kaj retiri Marian al la tero — retiri la vizaĝon, la formon, la voĉon, kiujn mi tiel bone konis?" li flustris al si. „Tio estas frenezo!" li laŭte ekriis. „Frenezo. Frenezo! Ĉiuj bonaj virinoj fariĝas similaj kiam ili estas tre proksimaj al la morto. Nuanco el la venonta gloro brilas sur iliaj vizaĝoj. Se ŝi resaniĝos, ŝia simileco al Maria paliĝos kaj malaperos." Poste li aldiris al si. „Mensogulo! Mensogulo! Mensogulo!"

Fine venis ŝanĝo. Unu tagon la junulino malfermis siajn okulojn kaj rigardis kun la lumo de prudento. La sencela babilado ĉesis. Ŝi kuŝis tute trankvile kaj paceme. Pli poste ŝi demandis:

— Kie mi estas?

Dum momento la kuracisto ne povis respondi. Ŝia voĉo, liberigita de la pezo de febro, estis la voĉo de Maria. Li ne povis erari pri tio. Malvarma ŝvito perlis sur lia frunto. Tiam li vidis, ke ŝia mieno ŝanĝiĝas, kaj li sciis, ke ĝi nepre respegulas la teruron sur lia propra vizaĝo; kaj per granda peno li devigis sin rideti.

— Vi estas hejme, karulino, tute sendanĝere, — li diris. — Tute sendanĝere, en via propra hejmo, kun mi.

Li haltis. La vortoj ekvenis al liaj lipoj kaj li eldiris ilin senpripense, sen intenco, antaŭ ol li rememoris, ke li donis al Maria la saman certecon, ne nur unufoje, sed multfoje, kiam ajn ŝi vekiĝis el malbona sonĝo.

La junulino enspiris longan feliĉan spiron.

— Mi tre ĝojas, — ŝi diris kaj tuj ekdormis.

La sekvintan tagon ŝi estis plisaniĝinta. Sed ŝi estis ankaŭ timigita. Kiam la kuracisto venis, ŝi ekkriis al li preskaŭ pro teruro:

— Kiu . . . kiu mi estas? Mi . . . mi ne povas rememori?

La kuracisto sciis kiel agi en tia okazo.

— Vi estas mia knabino, — li certigis al ŝi. — Kaj vi estas hejme, ne timu.

— Via knabino! Hejme. — Dum momento la mistera virino meditis pri la respondo. Tiam ŝi etendis siajn brakojn. — Tenu min! — ŝi konvulsie ekkriis. — Mi estas falanta . . . falanta Prenu min en viajn brakojn kaj tenu min . . . firme . . . firme!

La kuracisto ĝemis. Multfoje Maria same petegis lin. Lia mieno ŝanĝiĝis, kaj li tuj klinis sian kapon kaj la junulino ne vidis tion. Rapide kliniĝante, li metis siajn brakojn sub la malgrandan kadukiĝintan figuron kaj ĝin levis, ĝis kiam li sentis ŝian koron batanta kontraŭ sia propra. Dum momento ŝi tenis lin fortege, tiam . . .

— Remetu min nun, — ŝi flustris dolĉe. — Mi sentas . . . Mi nun sentas min tute sendanĝere, tiel sendanĝere.

La kuracisto ŝin kuŝigis kaj faletis eksteren por sidi sur la benko kaj batali fortege kontraŭ la superstiĉa teruro kiu tute venkis lin.

De tiam la junulino plisaniĝis rapide. Sed ŝi nenion rememoris pri si, ŝi montris nenian pluan maltrankvilon pri sia manko de memoro. Nenia penso, ke ŝiaj situacio kaj stato estas nenormalaj, ŝajnis ĝeni ŝin. La kuracisto estis dirinta, ke ŝi estas lia knabino, kaj, ke ŝi estas hejme, kaj ŝajne ŝi akceptis liajn asertojn sen dubo. Tute laŭnature, ĉiun matenon kiam li venis el sia ĉambreto, ŝi etendis siajn brakojn por esti levata dum momento al lia brusto, kaj tute laŭnature ŝi levis siajn lipojn al la liaj.

Dum la resaniĝado ŝia simileco al la mortinta Maria fariĝis pli kaj pli rimarkebla, ne al la mortintino, kia ŝi estis dum siaj lastaj tagoj, sed al la mortintino, kia la kuracisto rememoris ŝin en ŝia edziĝa mateno, belan laŭ saneco kaj fortikeco.

Fine la kuracisto ĉesis barakti kontraŭ la konvinkiteco. „Ŝi estas Maria", li akre diris al si. „Ŝi estas forlasinta sian lokon inter la anĝeloj de Dio, por reveni al mi. Mia amo estis altirinta ŝin tra la vasteco de spaco. Ŝi estas mia! mia! mia!"

Nur tiam li ekkomprenis, kiom solaj lasis ilin la homoj de la monto. Ili apartenis nur unu al la alia. Li iris al la pordo kaj elrigardis.

Malproksime, ĉe la rando de la arbareto li vidis proksimume ses aŭ sep virojn kaj virinojn starantajn scivoleme, rigardantajn la kabanon. Instigite de subita impulso li ekkriis al ili:

— Bonan tagon, amikoj miaj.

Je lia aliro, tremeto trakuris la grupon. Unu aŭ du el la virinoj malkaŝe sin retiris kaj mal-

aperis en la arbareton. La viroj ne moviĝis, kaj la kuracisto miregis, vidinte, ke preskaŭ ĉiu el ili palpis pafilon aŭ pistolon. Li ne povis kompreni tion, sed li ne perdis tempon demandante klarigon.

— Zeke — li vokis. — Ĉu vi faros komplezon al mi?

La viro hezitis.

— Mi . . . mi supozas, ke jes, — li balbutis.

— Ho, ĝi ne estas tro pena! Mi nur deziras, ke vi sendu al la vilaĝo kaj petu predikiston, ke li venu tien ĉi por edzigi min. Mi timas konduki mian . . . konduki la etulinon la tutan vojon ĝis la vilaĝo kaj tial . . . — Li paŭzis esprimplene.

Zeke moviĝis maltrankvile. Liaj okuloj vagadis de la kuracisto al siaj kunuloj; tiam reen.

— Vi celas edziĝi kun iu?

— Certe! kun la junulino kiu venis al mia kabano antaŭ unu monato. Ŝi estas nur nun sufiĉe sana. Vi homoj estus povintaj esti iomete pli servemaj, sed . . . Ho, nu! Tio estas finita nun; kaj se vi alkondukos al mi predikiston, ĉio estos bona.

La montaranoj hezitis, demandante ĉiu al alia per siaj okuloj. Fine Zeke parolis, ŝajne per granda peno.

— Estas . . . estas sciigo en la ĵurnalo pri vi . . . kiun mi opinias . . . kiun . . . ke vi . . . devus vidi, sinjoro kuracisto, — li balbutis. — Davido portis ĝin el la vilaĝo. Jen ĝi estas. — Li transdonis la ĵurnalon al la kuracisto, preskaŭ la unuan kiun la kuracisto iam vidis en la manoj de enloĝanto de la Tondra Monto.

La kuracisto rigardegis. Tiam li ekprenis la ĵurnalon, malfaldis ĝin kaj legis la nigre presitan titolon super iom longa rakonto.

ATENTU! ATENTU!

KURACISTO DE TONDRA MONTO FRENEZIĜIS — FLEGAS FANTAZIAN PACIENTON, ŜAJNE VIRINON. — LI DISSENDAS ĜENERALAN ALARMON AL ŜIAJ GEPATROJ AŬ PARENCOJ!

Li ŝajne fariĝas danĝere freneza; la montaj homoj ne volas iri al la kabano de la kuracisto, sed evitas ĝin. Lia edzino mortis antaŭ kelke da jaroj, kaj oni kredas, ke la konstanta kordoloro pri ŝi frenezigis lin.

Pale kaj tremante la kuracisto rigardis supren. La batado de lia koro sufokadis lin.

— Tiu ĉi mensoga ĵurnalo! — li ekkriis. — Tiu ĉi mensoga fuŝaĵo. La malplej granda esploro . . . la malplej granda demando . . . estus montrinta la veron! Kaj vi . . . vi . . . — Liaj okuloj furioze rigardis la grupon. — Kial vi ne diris al ili la faktojn? *Kaj vi,* sinjorino Lewis. *Vi* flegis ŝin dum la nokto kiam ŝi alvenis. Kial vi ne diris al ili la veron . . .?

La maljuna virino timeme sin detiris antaŭ la flamo en liaj okuloj.

— Neniu estis tie tiun nokton — ŝi respondis.

— *Neniu!?* Kion vi intencas?

— Neniu estis tie. La lito ne estis okupita. Neniu estis en la kabano krom vi, sinjoro kuracisto, nur vi kaj mi . . . ni estis ĉiuj. *Neniu* estis tie. La lito ne estis okupita. *Neniu* estis en la kabano krom vi, sinjoro kuracisto, nur vi kaj mi estis ĉiuj, neniu alia, — persistis la maljunulino.

— Mensogulino! — li ekkriis. La okuloj de la kuracisto flamiĝis freneze. Li sin movis antaŭen, tiam haltis antaŭ la faŭkoj de ses aŭ sep armiloj.

— Haltu, sinjoro kuracisto! — Zeke petante diris. — Ni ne deziras malutili vin — sed Manda estas tute prava. *Estis neniu virino en via kabano kaj neniam estis virino tie, dum la lastaj monatoj. Ni ĉiuj rigardis — kaj ni scias. Ne estis virino tie! per mia honoro, ne estis.*

La vizaĝo de la kuracisto paliĝis, li turniĝis kaj ekkuris al sia kabano, sed liaj piedoj estis pezegaj kaj lin retenis. Li ne povis levi ilin super la intermiksitajn vinberaĵojn kaj velkintan subarbetaĵon, tra kiuj li povis piedfrapi sian vojon nur per sia tuta forto.

La suno estis pli subirinta; en la paliĝanta lumo la kabano briletis malvarme inter la mallumaj ombroj de la maljunaj arboj. La horo estis malfrua. Odoro de laŭro pendis peze en la aero. Molaj ventoj siblis en nekonata lingvo. Estis nokto rememorinda por ĉiuj en tiu parto de la lando.

La kabano elstaris en la interspaco kiel sola gardisto. Malantaŭ ĝi la monto estis orumita ed



Fritz von Uhde: Infanoj

la lastaj radioj de la suno. La ora malhelo ĵetis strangajn. ombrojn laŭ lia vojo. Mortiga timo lin ekkaptis dum li alproksimiĝis.

— Se — se tio estas vera? Se tio efektive estas... Sed tio ne povas esti! Dio estas vivanta! Dio estas kompatema! Li ne volus forpreni ŝin la duan fojon.

La pordo de la kabano malfermiĝis malrapide kaj li ŝin vidis atendantan lin. — La supernatura dolĉeco de ŝia vizaĝo teruris lin kaj li staris haltinte, balanciĝante necerte, sufokiĝante por spiro, fikse rigardante per plilarĝiĝintaj demandantaj okuloj. — Poste. — Dolĉe ŝia voĉo venis al li, kiel la sono de malproksimaj arĝentaj sonoriloj, tamen ja tre klaraj:

— Nun estas la tempo, amato, — ŝi murmuris. — La tempo pri kiu mi parolis al vi antaŭ longe. Vi min vokis kaj mi venis. Amo estas pli forta ol morto. Dio aŭdis miajn preĝojn, kaj permesis, ke mi venu. Vi ne sciis, ke mi povis resti kun vi. Iomete vi tiel vidas, kiel en spegulo, malklare. Sed nun vi vidas, vizaĝo kontraŭ vizaĝo. Venu, mia amato. Venu kun mi; kaj plu estos neniom da disiĝo, nek da doloro. Ĉar la antaŭaj aferoj estas forpasintaj. *Venu.*

*

La suno subiris malantaŭ la montoj; la vespera krepusko duone lumigis la pejzaĝon: la pintojn de la monto, la valon, — kaj la vilaĝaj lumoj ekbrilis en la malproksimo. La malvarmeta venteto el la profundaĵoj venis sopirante laŭ la montflankoj susurigante la milionojn da folioj dum ĝi vagadis antaŭen; tiam ĝi elmortis, kaj ĉio estis trankvila kaj silenta.

*

Kiam la montaranoj, ne vidante la kuraciston, rekuraĝiĝis kaj venis al la kabano, ili trovis la kuraciston ĉe la flanko de la lito, kun liaj brakoj fleksitaj, kvazaŭ li tenus kaj karesus sian amatan edzinon. Sur lia vizaĝo ludis rideto de amo kaj benata feliĉeco. Ĉar Dio estis preninta la suferinton al sia brusto, kaj fine li trovis sian edzinon. Sed la montaranoj trovis nenie la Fantoman Edzinon.

---

# BÉNI LA APOSTOLO

ANDREO ADY

Béni'n, la sesjaran apostolon, feliĉa febro turmentis iun nokton. Li sciis, al kiu li faros morgaŭ ĝojon. Béni estis maldorma jam je tagiĝo kaj li pensis pri Lenci, kies patro estis tombfosisto kaj loĝis ĉe la Vilaĝfino. Ĉiam tusis la patro de Lenci, tusis kaj trinkis brandon. Li batis ofte Lenci'n kaj Lenci havis ankoraŭ kvin gefratojn. Ĉifona, sed fajfema, gaja knabo estis Lenci. Vintre li iradis en malgrandaj sandaloj, sed da ĉifono estis en ili sufiĉe. Kaj varman manĝaĵon, eĉ viandon li manĝis pasintjare en festeno.

Béni devis forŝteli sin, ĉar oni tre gardis pri li. Li elŝteliĝis tra la malgranda ĝardena pordo kaj sur kampaj pejzaĝoj li ekiris al la Vilaĝfino. Iom spiregis Béni. Sub lia maldika, delikata haŭto la sango ludis kaŝludon. Ankaŭ lian etan pulmon ŝiradis la petola Marta aero. Kaj multan ŝarĝon portis Béni. Grandan paperskatolon, plenigitan per karaj bonaĵoj. Ankaŭ la poŝoj ŝveladis. Malproksime blankis la Bózsa-monteto. Béni jubilis. Tien li iros hodiaŭ por galanto kun Lenci.

La Vilaĝfino estas malproksime, sed Lenci antaŭenvenis Béni'n. Nudpiede estis Lenci kaj saltadis kvazaŭ freneza sciuro. La detranĉita supro de malnova, ranca ĉapelo de lia patro paradis sur lia kapo. Sed brila kokoplumo apud ĝi. Brilis la ruĝe-bruna, nelavita vizaĝo de Lenci. Kvankam matene certe batis lin lia patro. Larmoriveretoj postlasis siajn fluujojn sur lia vizaĝo. Ĉi tiu vizaĝo estis tia kvazaŭ geografia karto. Sed gaja vizaĝo ĝi estis kaj gaje dancis sur ĝi la sunradio.

— Do kion vi portis, Béni?

Béni ridetis. Kun maljuna, boneca rideto. Tre graveme kaj tuj unue li raportis:

— Ankaŭ viandon mi portis, bonan ŝinkon, ruĝan ŝinkon.

— Ĉu oni ne rimarkis?

— Ne.

— Nu, kaj plu?

— Mi prenis el la ŝparujo dudek krajcerojn. Mi alportis mian pasintjaran ĉapon. Du oranĝoj. Granda peco da ĉokolado. Sed donu el ĝi ankaŭ al Gyuri, al via frateto. Mi alportis kaptukon por via patrino. Odoran akvon.

Lenci malpaciencis:

— Ĉu ŝuon vi ne alportis? Al la Lajko de la forĝisto ankaŭ ŝuojn vi donis dimanĉe.

— Ĉar li tusis. Kaj oni kaŝas la ŝuojn. Oni atentas pri mi. Mi apenaŭ povis elŝteli min. Ĉu ni iros sur la Bózsa-monteton? Ĉu tuj ni iros? Ni rapidu, ĉar mi timas ke oni sekvos min.

Malbonhumore skuis Lenci la kapon. Li kuris antaŭen kun la aĵoj. Verŝajne ĉion li kaŝis. Poste ili ekiris al la Bózsa-monteto. Lenci parolis per ruza, malĝoja voĉo:

— Vi havas ĉion. Mi neniam ankoraŭ manĝis eĉ buter-panon.

La koro de Béni tremis pro la kompato. La riproĉo doloris al li. Li akrigis grake la gorĝon kaj mallaŭte diris:

— La buter-pano ja ne estas bona. Mi donas ĝin ĉiam al la filo de la geservistoj. Mi neniam manĝas buter-panon.

Ili iris, iris. La vojo bezonis multe da flankiroj. Printempaj marĉoj ĉie. Sed brilis antaŭ ili la Bózsa-monteto. Lenci restis malĝoja:

— Vian piedon neniam pikas kardo. Eĉ via kruro estas ŝtrumpa. En ŝuoj vi iradas ĉiam.

— Mi demetus ilin. Mi volonte iradus nudpiede. Ne estas permesate. Antaŭ nelonge mi demetis la ŝuojn en la ĝardeno. La franca fraŭino ekvidis. Mi ne ricevis vespermanĝon.

— Sed estas en via ŝparujo ankaŭ pli ol dudek krajceroj. Mi neniam ricevas monon.

Tie ili jam estis, sur la Bózsa-monteto. Béni estis laca kaj ruĝa. Li sidiĝis sur la verda herbo apud neĝmakulo. Tiam lia brusto komencis fajfi. Li ektimis, ĉar pro ĉi tio li jam longan tempon kuŝis foje en la lito. Ili suriris la deklivon. Varme radiis tien la suno kvazaŭ somere. Vere jam ekfloris la galantoj. Béni ekhavis saltantan ĝojon. Sed subite li komencis tusi. Dume kaŝis sin la suno, la Bózsa-monteto subite blovis nebulon. La ĉielo plumbiĝis. La vilaĝon ili apenaŭ vidis:

— Ni iru hejmen, Lenci.

Lenci kaŭris sur la tero. Li kuŝigis la kapon sur sian nudan, fortan, malpuran genuon kaj silentis. Béni denove vokis lin kaj timis. Ve, kio okazos. Eble oni jam rimarkis ke li fuĝis. Eble ili jam tagmanĝas. Kaj se nun komencos pluvi. Jam preskaŭ plorante li diris:

— Ni iru hejmen, Lenci. Kio estas al vi, Lenci?

— Ŝuojn mi volus. Vi havas multajn ŝuojn. Tian ĉapelon mi volus, kia la via. Bluan, delikatan, longrubandan. Ĝuste tian mi volas. Ŝuojn kaj ĉapelon.

— Morgaŭ mi portos al vi, Lenci.

Lenci silentis. Longe, kaj la ĉielo konstante bruniĝis. Béni tremante piedfrapadis. Li timis. Ve, kio estos. Sed ankaŭ Lenci'n li kompatis. Kiel li malĝojas. Li ja donus al li ĉion. Se nur ne plorus Lenci. Sed Lenci ploris. Li ĵetis sin sur la teron. Lian vizaĝon ŝmiris malpura la malseka herbo. Kaj li ploregis.

— Mi neniam havis ŝuon. Mi neniam havis ĉapelon.

— Mi donos al vi morgaŭ, Lenci.

— Nun, nun.

Pluvo komencis frapadi. Neĝa pluvo. Béni sidiĝis sur la tero kaj demetis siajn ŝuojn. Lenci kunligis per ŝnuro kaj metis sur sian dorson la etajn ŝuojn:

— Donu ankaŭ la ĉapelon.

Béni donis al li ankaŭ la ĉapelon. Nun jam estis neeble eviti la marĉetojn. Ili kvazaŭ kuris al la vilaĝo. Kelkfoje ĝisgenue atingis la degelinta neĝakvo. Al Béni klakis la dentoj. Plejvolonte li estus kuŝiĝinta, eĉ se en akvo. Li ŝvitis kaj frostetis kaj sub la vilaĝo li petadis al Lenci:

— Donu al mi ĝis morgaŭ la ŝuojn kaj la ĉapelon. Mi timas hejmeniri tiel,morgaŭ mi reportos ilin al vi. Mi portos buterpanon. Denove mi prenos monon el la ŝparujo. Mi donos al vi ankaŭ miajn etajn lak-botojn. Tiel mi frostetas nun.

Lenci fajfis ŝercan kanton, triumfe li ĵetadis la ŝuojn sur la ŝnuro. La ĉapelon li flirtigis en la alia mano. Lian vizaĝon frapadis la pluvo, sed li gaje dancis: eĉ mil hajlopluvoj ne malutilus al li. Li estas, kvazaŭ eta kampara dio: pagana, bonhumora, malpura kaj forta. Kvazaŭ Béni jam eĉ ne estus apud li, saltante li plaŭdadas en la akvo, kelkfoje li kuras antaŭen, foje returnas sin:

— Adiaŭ, Béni. Ne diru hejme, al kiu vi donis la ŝuojn kaj la ĉapelon. Morgaŭ venu denove. Ĉar vi estas bona knabo.

Béni ĝojas pro la laŭdo. Sed forta tuso kaptas lin. Jam eĉ resaluti li ne povas al Lenci. Ve, kio estos hejme, se oni demandos. Li mensogos. Mensogi estas malbele. Sed kion fari. Antaŭ ĉio li forĵetas la galantojn, kiujn li premadis en sia mano. Li diros ke lin kaptis vagantaj ciganoj sur la kampo. Ili forrabis liajn ŝuojn kaj ĉapelon. Ĉar alie estiĝus malbone al Lenci. Kvankam Lenci estas bona knabo. Kaj sen tio lia patro ja batas lin. Kaj nenion li havas. Hejme oni enlitigis Béni'n. Dek tagojn deliris, la buterpanon ne povis porti al Lenci, post dek tagoj mortis Béni.

El la hungara: *Karlo Bodó*



Fritz von Uhde „Venu Sinjoro Jesuo kaj estu nia gasto".

# POEMOJ DE ANDREO ADY

EL LA HUNGARA: K. DE KALOCSAY

## ANTAŬ LA MORGAŬON

Haltu! Hurlas post mi en la nokto
Svarmo ĉifona de l' Hieraŭ.
Haltu! Kaj mi iras, iras.

Haltu! Rompi al densa dornaĵo,
Luno, infero, nigra nubo
Kaj sola nur, kaj sola nur.

Vok'! Vok'! Mi kuras antaŭ Morgaŭon!
Patro, panjo, pastroj kaj bardoj
Mi puŝas vin, forŝovas vin.

Ombroj, praŭloj, h'eraŭ-kunuloj,
Fratoj miaj en sango kaj vino,
Naŭza Hieraŭ, postrestu min!

Cel': la Mallum' malĝoja, grandioza.
Haltu! — Ne! Jen antaŭ mi la Morgaŭ!
Min ĝi vokas, min! Mi kuregas!

## AŬTUNA BRUO

Ĉu vi jam aŭdis?
Aŭtune, kiam la nebul' sin tordas,
En nokt' la vento ies ĝemojn portas.

Nun io bruas.
Nun ĉiujn veojn iu por si rabas.
Nun iu putrajn ĉerktabulojn frapas.

Malnova homo,
Dum viv' ĉielo lia estis blinda,
Nun volus disrigardi, kompatinda.

## ANTAŬ PRINCO SILENT'

Mi iras nokte la arbaron,
Dentklakas, fajfas sub la Lun' mi.
Postdorse venas la dek-klafta
Princo Silent',
Kaj ve' — se rerigardus nun mi.

Jes, ve' — se mi nun eksilentus,
Aŭ ekrigardus Lunon gape.
Vekrio, krako . . . Ekpaŝegus
Princo Silent'
Kaj min dispremus piedfrape.

## LA TROMBONO DE DIO

Se l' subpremitoj, se la neniuloj
Veante venos kun batala fero,
Mem venos Dio kaj milmil' da ombroj
De Fort' kaj Ĝoj' mortintaj en utero,
Veante venos kun batala fero.

La mortigantoj de la Fort' kaj Ĝojo
Ne trovos plu indulgon en pereo.
Jarmilojn kelkajn Dio ja toleras,
Sed poste, ve al ili, granda veo,
Ne trovos plu indulgon en pereo.

Ĉar Dio estas mem la ver' de l' Vivo,
Ordonas: ĉiu vivu vivon semu!
Ordono Lia estas: ĉiu ĝoju!
Ordonas Li: ĝojmortiganto tremu!
Ordonas: ĉiu vivu, vivon semu!

Alvenos Dio, Li la praa Vivo,
Tramuĝos Li la Teron per trombono:
Mortintaj, vivaj kaj naskotaj homoj,
Jen mi alvenis por la Justodono!
Tramuĝos Li la Teron per trombono.

Vivintaj per la larmoj de l' aliaj
Pereos en terur' kaj abomeno.
Forfalos kiel putraj bestkadavroj
Tiranoj en tombar', nuntemp', ingveno,
Pereos en terur' kaj abomeno.

## LA ALVENO DE DIO

Dum, forlasite,
Mi la animon jam falante trenis,
Silente, jen, kaj senatende
Min Dio ĉirkaŭprenis.

Ne kun tromboj
Sed kun muta, vera ĉirkaŭpren' benita,
Kaj ne en bela fajra tag' Li venis,
Sed en nokt' milita.

Okuloj miaj vantaj
Blindiĝis. Mortis la junec' sinsterne.
Sed Lin la brilan, Lin la grandiozan
Vidas mi eterne.

## MORTOFLORO: LA KISO

Ĉaro de nigraj papilioj
Portos min al kiso la lasta
Kun la Virin': kun Mortoflor':
Nekonatin': aŭtuna roz'
Floranta je l' printempo ĉasta.

Ho, Mortoflor', se Lun' unua
En Majo sur ĉiel' sin levos:
Lulos min via mola lit'.
Atent'! Atent'! ho Mortoflor',
Ĉiuj petaloj brili devos.

Korpkalikon sanktan malfermu
Al la Lun', ke frapu ĝin miro!
Dum korp' al korpo gluos sin,
Tra l' ĝarden' varmega sonoru
Nupta muzik' en ardsopiro.

Etaj floroj flustru timeme:
„Jen Lazar' de kisoj multfasta.
Li naskiĝis Estro de Kis'.
Indajn kisojn ne prenis li,
Kisas li nun je l' fojo lasta.

Haroj, brakoj, okuloj ardu,
Lipoj, koksoj, brusto la dia,
Velurpiedoj — tuta vi!
Estu dolĉa, ho Mortoflor',
Per vi ĉi lasta amo mia.

Ĉaro de nigraj papilioj
Sin returnu sen mia porto.
Mortfloro, kuru ankaŭ vi.
Ne sciu kion mi en sol'
Interparolos kun la Morto.

# POEMOJ DE ANDREO ADY

EL LA HUNGARA: K. DE KALOCSAY

### PLORI, PLORI, PLORI...

Atendi, dum nokthoro tinta,
Ĝis ĉerko estos alveninta.

Pri l' mortint' sen demandofaro:
Tintkloŝi al la sekvantaro.

Sub tend' arĝenta, nigra tolo,
Eksvingi krucon sen konsolo.

En nigro, peza arĝentumo,
Sufoke sveni pro torĉfumo.

Kun krakaj ombroj batalante
Obtuzan psalmon ĝemi kante.

Aŭskulti je orgen' muĝtrema,
Tombsonorilo profundĝema.

Paŝi tra tombaj kavoj glutaj
Kun nigra pastro, knaboj mutaj.

Treme, kaŝe, ŝtele, rigide
Mortinton fremdan fiksi vide

Frosti sub luno superstiĉa,
Spiregi en incenso riĉa.

Pri la Pasint' brust-bati brue,
Sub sorĉ' fatala, surgenue.

Pripenti ĉion kaj sub rompo
Konfese ĵeti min al tombo.

Testamenton teruran aŭtori
Kaj plori, plori, plori, plori.

### ADAMO, KIE VI?..

Funebro de l' anim' forflugas.
En blanka brilo venas Dio
Kaj malamikojn miajn jugas.

Vizaĝ' — ankoraŭ en nebulo.
Sed grandkompate Li jam ofte
Rigardas min per Sun-okulo.

Se foje venkon mi akiras:
Li, Di' eltiris sian glavon,
Li, la Sinjor' min antaŭiras.

Lin paŝi en anim' mi aŭdas
„Adamo, kie vi? ..." Responde
En mia koro batoj laŭtas.

Mi trovis Lin en mia koro,
Mi Lin jam trovis, ĉirkaŭprenis,
Unuiĝos ni en la morthoro.

### MARIA KAJ VERONIKA

De Maria ĝis Veronika
Arkas la brakoj de la vir'.
Nun, Veronika mia, Leda,
Mi sonĝi volas kun sopir'

Pri infanbrakoj. La okulojn
Varmbuŝe kisu nun al mi.
Nun: antaŭ kruco, antaŭ morto
Mi rememoras pri Mari'.

Ŝi sendis min kun kis' en vivon.
Kaj kial mi ja pelis min?
Por viv'. Kaj kio estas vivo?
Ĝoj per virin,' ĝoj' per virin.'

Kiu min naskis kaj instruis kisi?
Virino. — Ĉe l' krepusk' de l' Fin'
Leda, dormigu min. Mi sonĝu
Ke estas vi la patrin', la patrin'.

### POST MAJA PLUVEGO

Nebulis fore Fagmontar',
Vaporis kampoj, ŝvelis Flu',
Kaj en langvora mia korp'
Sur verd' batita de pluveg'
Ekzumis sang' per ruĝa kant',
Ekzumis sang' per ruĝa kant'.

Preskaŭ susuris herbokresk',
Sonoris lumo, ardis Sun',
Saltetis branĉo, floris Ter'.
Kaj dancis Ter' kaj Firmament'
Kaj kisis ĉio sub ĉiel'
Kaj kisis ĉio sub ĉiel'.

Okuloj vibraj de l' urban'
Fermiĝas antaŭ tia Kis',
Balbute kaj kun maltrankvil'
Mallaŭte petas mi al Di':
„Ho, benon al ĉi kisa kamp'!
Ho benon al ĉi kisa kamp'!"

Pioĉas tie, tie ĉi
Virinoj — tie ĝermos viv'.
Ho vivi! tamen bone ja!
Virinoj fortaj, junaj kaj
La kruroj nudaj ĝis genu',
La kruroj nudaj ĝis genu'.

### SONĜO PRI ABELEJO

Ne Pariz': vilaĝsilento,
Riveret', odoraj floroj,
Abelzum'; kaj sub tili'
Rideganta infanar',
Okulvitroj, apogseĝo.

En la abelej': malvarmaj
Sonĝoj. El ingveno mia
Elĝermintaj nepoj, buboj
Ŝercus, stultus kun petol',
Palpus mian blankan barbon.

Dum vesper' el man' maljuna
Flavan libron mi faligus,
Supre brilas la Ĉiel'.
„Huŝ jam! dormi! infanar'!
Avo nun rigardos stelojn."

El sub abelej' mi kurus
Tra kaj tra la tuta mondo
Kaj feliĉe, kun ridet',
Side-fluge, en fier',
Irus eble eĉ Parizon.

Lunvizaĝe, kun mil nodoj,
Cent sekretoj kaj promesoj
Venas Vivo, logas min.
Kruĉon kaptas mi kaj ridas:
For, vi pala sorĉistino!

En la sankta granda nokto
El animo paca flugus
Puraj, virgaj, fortaj kaj
Ter-odoraj pensoj. Mi
Sendus ilin en la mondon.

### VIRINOJ SUR LA BORDO

Staris borde mil virinoj
Kun tuketoj, kun bukedoj.
Ili ploris, man-etendis,
Mi — ĝojkriis en la ŝip'.

Vesperiĝis. En nebulo
Staris borde mil virinoj.
Sed ankoraŭ flirtis tukoj,
Sed ankoraŭ falis flor'.

Nokto venis, nigris kiel
La Pasinto kaj la venĝo.
Staris borde mil virinoj
Kaj mi ploris en la ŝip',

Ĉar nenion mi plu vidis.
Nek tuketon, nek bukedon...
Ho ĉu estis nur fabelo:
Staris borde mil virinoj...

# ROMANTIKULO *

ANDREJS UPITS

a dometo, en kiu troviĝis la laborejo de la Laicen' a fotografisto Miĥaelo Maigais, staris ĉe la foiroplaco. Tra la fenestroj de l' laborejo vidiĝis la kotplena, nepavimita foiroplaco kun amasoj da kunbalaaĵoj ĉe randoj kaj kun la malnova pumpejo kun kliniĝinta tegmento en la mezo. En vendotagoj ĉe la fenestroj de la fotografisto staris vazoj kun lakto, sakoj da greno, vivaj porkidoj; kaj veturilo je homa alteco kun kukoj, en kiu la vendisto senhalte per raŭka voĉo proponadis sian komercaĵon. Jam de malproksime estis videblaj tie elpendigitaj kaj alligitaj pale-ruĝaj viandopecoj, amasoj da karotoj kaj brasikkapetoj; de ĉiuj anguloj aŭdiĝis blekado de porkidoj, klukado de kokinoj kaj anasoj, kaj kriado de anseroj. Ĉie vidiĝis nervema kurado, rapidiĝo, insultoj. Griza polva nubeto malrapide leviĝis iom supren, balanciĝis super la grizaj kaj verdaj tegmentoj, ektuŝis la pendantajn komercaĵojn kaj ree dronis malrapide . . .

Miĥaelo Maigais en tiuj tagoj tute ne aperis ĉe siaj fenestroj. Li malŝatis la malpuran foiroplacon, kun la ruĝaj viandopecoj, kun la netolerebla odoro kaj la dikaj vilaĝaninoj, kies bruliĝintaj de suno vangoj ruĝe brilis, kiel aŭtunaj pomoj en suno. Jam de mateno li lokis sin ĉe la sola fenestro rigardanta en la korton kaj ekscitite li aŭskultadis ĉu iu ne venas; kaj lia sentema nazo jam sen ia kaŭzo sentis la odoron de haringoj, de piklitaj kukurboj, kaj porkidoj.

Fi, kiel prozema kaj malbela estas tiu ĉi mondo! Tra la korta fenestreto, kiu verdire estis nur duonfenestro, oni povis vidi riveron, kiu preterfluis la urbon. Malrapide, lace kiel duonglaciiĝinta plumba fandaĵo glitis la larĝa rubando de l' rivero. Malofte, laŭ tiu ĉi bordo, balanciĝante en la akvo, preternaĝis eluzita, truplena kaserolo aŭ ia alia senutila objekto. Sur la alia flanko, rekte kontraŭ, eleviĝis abrupta nuda monto, sur kies supra rando kreskis maljuna kurbiĝinta tilio. Malsupre naĝis aro da anseroj kiel blankaj punktoj, ili ion serĉis tie sur la borda grizaĵo. Surmonten malrapide moviĝis ia veturanto, kaj lace, kvazaŭ senvole, tiriĝis post li flava polva streko.

Solece . . . varmege . . . enue . . .

Dum ĉiuj aliaj similaj tagoj Maigais ordinare sidis ĉetable en apuda ĉambro, dormetis kaj vekiĝinte, rigardis la tie dismetitajn fotografaĵojn, sed dum la hodiaŭa mateno li tute ne atentis ilin, nur sidis ĉefenestre kaj rigardis trans la riveron, kie, iom pli malsupre laŭ la rivero, sur la bordo mem, estis bieno. La biena parko atingis ĝis la rivero. Tra la verdaj arboj kaj arbustoj oni vidis iam post iam moviĝi ion blankan. Ĉiam, en tiu okazo, la lipharoj de Maigais ektremis, liaj lipoj iom kurbiĝis kaj lian vizaĝon kovris stranga ekbrileto.

Hodiaŭ li devis transiri la riveron por fotografi en la bieno . . . ĉirkaŭ tagmezo. Li scias, ke la blankaĵo, tie sur la alia bordo, estas la fraŭlino el la bieno. Eble, ke ŝi ne povas ĝisatendi la fotografiston, kaj venis ekrigardi . . . Je tiu penso varmo trakuris ĉiujn membrojn de Miĥaelo Maigais. Eksaltinte li ekiris tra la ĉambro, dufoje antaŭen, dufoje reen, sidiĝis denove kaj apogante sian sufiĉe grandan, krispharan kapon sur la manoj, li rigardis denove. La okuloj komencis blindiĝi de la suna brilo, kiu sur la akva spegulo fariĝis je ĉiu momento pli forta.

Hodiaŭ estas jam la tria tago de kiam Miĥaelo Maigais ricevis sciigon: veni en la bienon fotografi, estas jam la tria tago de kiam li sidas ĉe la fenestro kaj ne forturnas siajn okulojn de la verda parko. Nokte li ne dormis kaj ekdorminte dum momento, li vidis la fraŭlinon el la bieno en blanka vestaĵo kun rozoj en la haroj. Unuvorte, Miĥaelo Maigais freneze enamiĝis al la fraŭlino el la bieno.

La unuaj signoj de tiu ĉi malsano aperis ĉe li jam antaŭ kvin jaroj, kiam Maigais ĵus ekloĝis en Laicen kaj kiam la fraŭlino el la bieno ankoraŭ iris en mallonga jupo kaj kune kun knaboj ŝi surrampis parkajn pomarbojn. Sed tiam la afero ankoraŭ ne estis tiel varmega. Vera amado komenciĝis nur de tiu tago, kiam Maigais havis la malsaĝan aventuron kun Dora Garmat.

Dora estis filino de unu el la loĝantoj de proksima vilaĝo kaj venis al Maigais por sin fotografigi. Al Maigais ŝi ial ekplaĉis. Li klare vidis, ke ŝi estas longa, maldika, kun grize palaj haroj kaj ke ŝia maldekstra okulo estas iom straba, sed tamen ŝi plaĉis. La sekvintan dimanĉon li aĉetis funton da bombonoj kaj duonfunton da bona ĉokolado, — la bombonojn li metis en la brustan poŝon de sia surtuto, la ĉokoladon en poŝon de la pantalono, elpuŝis du harbuklojn sur la frunton kaj direktis siajn paŝojn al la „balo en verdaĵo" aranĝita de loka societo en proksima herbejo, kiun oni pro io nomis „monto". Sed vana estis la irado laŭ la kota vojo, vane estis elspezita la duonrublo por la bombonoj kaj ĉokolado. Li ne atingis ankoraŭ la balon, kiam li haltis, kvazaŭ ricevinte fortan ekfrapon kaj pli ol duonhoron li staris senmove, observante la lokon de amuzoj. Kion li vidis? Unue li ekvidis sian elektitan fraŭlinon — ŝi staris sur monteto, maldika kaj, kiel Saŭlo, per la tuta kapo pli alta ol ĉiuj aliaj. Ŝi manĝis kukon, depreninte ĝin de grandega pato sur kiu kuŝis ankoraŭ granda amaso da similaj manĝaĵoj. Krom tio tie staris tri boteloj da fruktovino, peco da konata Laicen'a kolbaso, ekrom-

* El la ciklo „Malgrandaj tragedioj".

pita glaso kaj tranĉilo kun rompita tenilo. Ĉion ĉi tion tenis surmane juna vilaĝano kun grandegaj, malorditaj nigraj lipharoj kaj kun sufiĉe granda fasko da haroj sub la malsupra lipo. Tra la bala placo, apenaŭ spirante, kuris alia vilaĝano kun du boteloj en la manoj, dum la tria ĉe la bufedo ion serĉis en ĉiuj poŝoj kaj malespere alrigardis la monteton, sur kiu staris la fraŭlino. Sed ŝi ridetis per granda kaj larĝa rideto. Ŝi ridetis al tiu, kiu la kukojn manĝis, ridetis al tiu, kiu kuris kun la boteloj, ridetis ŝi eĉ al tiu, kiu de la bufedo rigardis ĉi tien, — ŝi ridetis al ĉiuj, kiuj estis en proksimo. Nur tiam Miĥaelo Maigais komencis kompreni la amon de Dora Garmat . . . kiel rivero, larĝe kaj malprofunde ĝi ĉirkaŭprenis ĉiujn vilaĝanojn, tajlorojn, buĉistojn. Kaj Maigais returniĝis, sidiĝis sub alna arbusto sur malsekan arbostumpon, formanĝis mem siajn bombonojn kaj ĉokoladon . . . kaj ploris.

De tiu tempo li ekmalamis ĉiujn vilaĝajn knabinojn kun iliaj bruligitaj vangoj, grandaj maldelikataj manoj, malbongustaj vestaĵoj. Kaj des pli varmege li ekamis de tiu fojo la fraŭlinon el la bieno. Renkontinte, li ŝin ĉiam salutis kaj de ŝia rideto li konvinkiĝis, ke ankaŭ ŝi amas lin. Maigais kredis, ke nur ĉe virinoj de pli altaj sferoj oni povas trovi tiun senkonscian senton de beleco, kiu montriĝas en elekto de bele alkuŝantaj al la korpo vestaĵoj, en senordeco de haroj, en irado . . . en rideto. Nur sole la fraŭlino el la bieno legis romanojn de *Spielhagen* kaj *Ebers* kaj versaĵojn de dekadentoj. Sole ŝi komprenis la ĝuon, kiu kaŝiĝas en magnetismo de du koroj kaj en la fulmo, kiu fandiĝante transformiĝas en mielon sen vakso. Krom tio, ĉi tiuj fraŭlinoj sciis la kanton pri du reĝidoj kaj kapablis forkuri kun siaj amantoj. *„Sie müssen beide sterben, sie hatten sich viel zu lieb"* — deklamis Maigais kaj larmoj enŝteliĝis en liajn okulojn.

Li jam vidis, kvazaŭ sur bildo, kio tie, sur la alia bordo, en la bieno okazos! Ĉe la eniro de l' laŭbo stariĝos la tuta familio de l' bienhavanto. La bienhavanto laŭ kutimo turnos sian solan naturan okulon kaj severe lin alrigardos, dum la alia vitra okulo rigardos ien flanken, trans la stala tegmento. Li certe komprenos, ke la fotografisto havas kun la fraŭlino ian misteron. Lia filino — ido de malnova kavalira gento kaj li — Laicen'a fotografisto! Sed Maigais ŝajnigos ne kompreni la koleron de la maljunulo, forlasos sian aparaton, iros al la grupo, kliniĝos, turnos la vizaĝon de l' fraŭlino pli al lumo, levos ŝian mentonon iom supren, enrigardos ŝiajn okulojn. Eh! — Maigais kuris dufoje tra la ĉambro. — Per unu rigardo ili sin interkomprenos, en ĝi estos eldirita ĉio, kion ili sentas unu kontraŭ alia, estos eldirita, kie ili renkontiĝos matene, kie — vespere, kien ili forkuros, se estos necese, laŭ la rivero Daugav supren, per boato, fervoje Amerikon aŭ Parizon.

Ĉe la pordo, je la flanko de la foiroplaco, iu ekskrapis. Nenio estis en tiu ĉi momento por Maigais pli netolerebla ol interrompo de liaj romantikaj sonĝoj. Li ekprenis sian aparaton kaj aliajn necesajn objektojn kaj ekrapidis al la rivero serĉante boaton. Kurbiĝinta transveturigisto sidis jam delonge sur la bordo sur ŝtono kaj, kvazaŭ nevole, manĝis, mordante de granda peco da griza pano, kiun en Laicen oni nomas „blanka pano". Maigais, jam de malproksime al li, ekkriis kaj preskaŭ kuris al la boato. La boatisto malrapide leviĝis, ŝovis la panpecon en poŝon, ekrigardis sian ombron kaj malrapide ekiris malsupren laŭ la ŝtonplena monteto.

„Tro frue"... li murmuris kaj kun forto disblovis siajn malorditajn lipharojn.

„Pli rapide, pli rapide!" — Maigais lin vigligis, sidiĝante en la boaton, tenante la fotografan aparaton per piedo, por ke ĝi ne moviĝu.

La boatisto, kvazaŭ provante, trempis en la akvon unu remilon, alian; eltiris ilin, kaj per duonfermitaj okuloj rigardis, kiel la gutoj refaladas en la akvon. Post tio li eksidiĝis, kraĉis en la manojn kaj komencis malrapide remi. La boato preskaŭ nerimarkeble malproksimiĝis de la bordo.

Maigais nur kunpremis la dentojn pro senpacienco. Li en mirinda maniero kliniĝis antaŭen, dezirante tiel plirapidigi la netolereble malrapidan moviĝon de l' boato. Sed la boatisto, ĉu pro la brilo de la suno, aŭ pro io alia duonferminte la okulojn, maldiligente alrigardis Maigais, kvazaŭ li estus pune devigita: kalkuli kiom da butonoj estas en lia laŭmoda ĉirkaŭkola tuko. Maigais komprenis, ke plirapidigi ĉi tiun homon estas same neeble, kiel tie la grizan flegmeman riveron kiu kiel plumba fandaĵo glitis malsupren. Nek ondeto . . . nek venteto. Laŭ la alia bordo apenaŭ, apenaŭ moviĝis malfruiĝinta floso. Sur ĝia antaŭo poleto en blanka feltpelteto, kun nudaj piedoj kaj nekovrita kapo, kliniĝinte movis knarantan direktilon. El lia ruĝa vizaĝo rigardis du etaj okuletoj, rigardantaj malespere pro la senutila laboro: la griza fluo malrapide direktis la floson al la bordo. Kelkfoje, el sub pajla budo sur la floso, eksonis peza, raŭkiĝinta voĉo: „maldekstre-en" . . .

Maigais ekprenis sian kapon en la manojn kaj ekrigardis reen — al Laicen. La ŝtonplena bordo fariĝis ĉiam pli kaj pli malalta. La urbaj dometoj tiel kuntiriĝis, ke ili kvazaŭ ebeniĝis kun la bordo. De ĉi tie oni povis nek vidi la grandan foiroplacon de l' urbeto, nek senti ĝian odoron. La grizaj kaj verdaj tegmentoj malforte brilis en la suno — sur ĉion kuŝiĝis sufoka nemovebla laceco kaj el ĝi kelkfoje eliĝis la maldika staturo de Dora Garmat kun la grizaj haroj kaj la larĝa nedifinita rideto ĉirkaŭ la kuntiritaj lipoj.

La boato ankoraŭ ne tuŝis la bordon, kiam Maigais saltis el ĝi, ekkriis al la boatisto: „atendu" kaj kuretante iris laŭ la barilo de la biena parko supren. Pro la kurado sur la sufiĉe

abruptan monteton, kaj pro la ekscito lia spirado kelkfoje ekĉesis kaj ŝvito gutis de lia frunto. Post la pordego, tra kiu, inter la domo de ĝardenisto kaj la glacikelo, oni povis penetri en la bienan korton, li momente ekhaltis, rigardis sian ĉirkaŭkolan tukon, forviŝis la ŝviton, elpuŝis harfasketon sur la frunton kaj iom balanciĝante li turniĝis al vojeto, kiu kondukis al la granda pordo de l' domo de la bienhavanto.

De post iu palisareto elsaltis granda hundo, kun muka lango pendanta el la malfermita malbela buŝego, ĉirkaŭllaris Maigais'on kaj liajn aparatojn; indiferente, kvazaŭ nevolonte, aŭ plenumante malagrablan devon ĝi iom ekmordis la piedon de l' fotografisto, kaj same flegme ĝi komencis dispeladi en la korto kokinojn.

La bienhavanto, duonkuŝante sur verando en plektita balancoseĝo, legis en la „Düna Zeitung" pri leporaj rajtoj, kaj interrompite per la kriado

## DOLORAS MIA KOR.

En ĉi vesper' doloras mia kor',
Ĝi kvazaŭ estus vundo malfermita.
Pro io nekonata, sed perdita,
En mia brusto veas surda plor'.

Kuraĝ', espero jam perdigis for
Kaj en l' anim' de ili forlasita
Ekregis, kun malgajo nelimita,
De vanaj pentoj la malluma hor'.

Eĉ vi, knabino tiom adorata,
Kvieton ne redonas al anim',
Tremanta kiel birdo turmentata.

Mallumo ĉie, kaj malĝoj' kaj tim'...
Perdiĝis for kuraĝo kaj espero...
Doloras mia kor' en ĉi vespero.

*MAX WURMBRAND*

## MIN PERSEKUTAS PENSO MALPRECIZA

Min persekutas penso malpreciza.
Mi aŭdas voĉon, sed mi ne komprenas.
Klinita super la mallumaj akvoj
De l' vivriver', kompreni ĝin mi penas.

Sur mia voj' min ĉiam akompanas
La voĉ' mistera kun susur' vokanta,
Al malproksimaj. nekonataj bordoj,
Al novaj celoj kvazaŭ alloganta.

Ĝi vokas dum laboro, dum ripozo.
Eĉ en virinaj brakoj ne silentas.
Pleniĝas mia koro je sopiro
Kaj varman guton en l' okul' mi sentas.

Klinita super la mallumaj akvoj
De l' vivriver', aŭskultas mi ravate.
Susuras en profund' alloga voĉo,
Mallaŭte kantas ĝi, nekomprenate.

*MAX WURMBRAND (Bukuresti)*

de kokinoj levis la kapon. Li verŝajne konkludis, ke Maigais kun sia aparato estas vaganta gurdisto, ĉar li eksvingis la gazeton, kvazaŭ dispelante muŝojn kaj ekkriis:

— Ne estas bezona... Ne estas bezonata!... Mi petas, ne bruu!

— Pardonu, estimata sinjoro, sed mi ricevis sciigon, vi mem min alvenigis . . .

— Kiu alvenigis? — La bienhavanto nenion jam memoris.

Maigais komencis rakonti kaj klarigi. Sed dume per unu okulo li rigardis en la fenestrojn, per alia la parkajn arbustojn — ĉu ne montriĝos ie la blanka vestaĵo . . . Li ne rimarkis . . . Verŝajne la malfeliĉa knabino ie kaŝiĝis pro ĝojo kaj honto . . .

La bienhavanto fine komprenis, klinis la kapon, formetis la gazeton kaj malsupreniris de la verando.

— Ĉu via aparato bone funkcias — li demandis kaj malkonfide rigardis al Maigais.

— Tre bone . . . la plej nova sistemo . . . — Maigais klarigis kaj rigardante en la parkon nevole ekstaris sur piedpintoj.

La bienhavanto, sekvante la rigardon de Maigais, ankaŭ levis la kapon kaj, ekvidinte birdon alte albatitan al acero per kvar najletoj, klarigis.

— Strigo . . . hieraŭan matenon mi mortpafis . . . Tri kokidojn ĝi forportis . . . Ĉu vi jam delonge laboras je fotografado?

— Kvin jarojn.

— Hm, nu ni rigardu . . . mi ne ŝatas mallertan laboron! . . .

— Ne timu, vi estos kontentigita

— Hm . . . venu . . .

Li ekiris, Maigais post li, laŭ vojeto kondukanta al staloj. Je rigardo al la kvieta, memkonfida vizaĝo de l' bienhavanto, la ekscito, kiu leviĝis en Maigais je pensoj pri estontaj okazintaĵoj, trankviliĝis kaj li eĉ iom gajiĝis.

Sed kien do iris la bienhavanto? Ĉu li deziris kun sia familio fotografiĝi antaŭ la stalo? Maigais gaje ekridetis, sed demandi ŝajnis al li nekonvene. Li jam ne serĉis per rigardoj la fraŭlinon, mallevis la okulojn kaj klare sentis, ke de post iu siringa aŭ akacia arbusto lin rigardas paro de brilantaj brunaj okuloj, kaj ke la pale-ruĝa vizaĝo brulas de nehaltigebla ekscito.

Arboj kaj arbustoj, arbustoj kaj bariloj — senfine multe da verdaĵo estas en ĉi tiu bieno! Ekbrilas tra la arbustoj kurbiĝo de vojeto kaj malaperas, elrampas angulo de konstruaĵo aŭ pinto de tegmento kaj retiriĝas denove. Subite ie oni ekaŭdas interparoladon, oni ekaŭdas iun promenanta, sed pasas momento — ondo, kvieta, susuranta ondo ĉion ĉirkaŭprenas kaj silentigas. Nur la konata odoro de bovinejoj kaj ĉevalejoj fariĝas pli kaj pli forta kaj akra kaj Maigais devas kelkfoje ektusi.

Fine ili eliris sur malgrandan, kvarangulan

placeton, ĉirkaŭitan de staloj. Inter la konstruaĵoj briletis verdaĵo. La tuta placeto estis kovrita de restaĵoj de lastjara pajlo, sur kiu en longaj strekoj vidiĝis malpuraĵoj. Apud la plej proksima konstruaĵo vidiĝis io simila al hunda budo aŭ porka staleto, en kiu io hara moviĝis kaj murmuris.

Maigais ĉirkaŭrigardis la konstruaĵojn kaj kunpremis sian nazon ne povante toleri la odoron, kiu riĉe fluis de ĉiuj flankoj. Li ankoraŭ ne komprenis, kion la bienhavanto serĉas tie ĉi.

— Nu prepariĝu, — diris la bienhavanto.
— Hm, mi vokos la sinjorinon kaj fraŭlinon.

La bienhavanto foriris kaj Maigais restis staranta ĉe sia aparato. Li pensis denove pri sia jam multfoje vidita sonĝo, komencante de enrigardo en okulojn kaj finante per forkuro nokte en boato laŭ lunlumigita rivero. Eh! — li elstreĉis la manojn antaŭen — kio estas la flamoj de ĉi tiu mondo, kompare kun la flamo, kiu ardas en lia brusto.

— Nu, ĉu vi estas preta? — li subite ekaŭdis la akran voĉon de l' bienhavanto.

Kiel pikita, Maigais returniĝis kaj malgraŭ la suna varmego, li restis kvazaŭ frostiĝinta. Kelkajn paŝojn malantaŭ li, sur la fino de la vojeto, brilis du ombreloj, unu ruĝa kaj kun nigra tenilo, alia blanka kun nikelumita kaj brilanta tenilo, kun arĝentaj pendantaj franĝoj. Sub la ruĝa ombrelo troviĝis dika, en griza vestaĵo kaŝita korpo; sub la blanka: ankoraŭ pli blanka, maldika, gracia, kun granda fasko da floroj. Nek la unuan, nek la duan vizaĝon oni povis vidi, ĉar tuketoj, alpremitaj al la nazo, tute kaŝis ilin.

Maigais kvazaŭ blindiĝis, ĉar li nur levis la ĉapelon, malfermis la buŝon — kaj nenion pli... li rigardis kaj tute ne rimarkis ke de la stalo alflugis granda muŝo kaj sidiĝis sur lian frunton.

— Pli rapide, pli rapide . . . — aŭdiĝis el sub la ruĝa ombrelo.

— Pli rapide . . . pli rapide . . . — eĥis el sub la blanka.

La tero danĝere ekmoviĝis sub la piedoj de Maigais . . . ankaŭ li deziris pli rapide. Ŝia kapo verŝajne ebriiĝis de lia proksimeco. Kie ili staros? Kion li devas ĉi tie fotografi?

— Ĉu estos necese ilin iom eltiri? — La bienhavanto demande rigardis la fotografiston.

La fotografisto rigardis la bienhavanton.

Post kelkaj momentoj la bienhavanto, levinte la ŝultrojn, iris al la hunda budeto, aŭ porka staleto kaj unu post alian eltiris de tie grandan nigran, nekredeble malgrasan hundinon kun kvar hundidoj.

— Ĉu tiel oni povos? Sed, mi petas, direktu do vian aparaton, pro kio vi dormas? Aŭ ĉu vi deziras antaŭe interkonsenti pri la pago? Mi kutimis pagi kiom oni postulas. Antaŭ kvin jaroj mi ankaŭ fotografigis ĉi tiun hundinon, — tiam estis nur du hundidoj kaj mi pagis kvin rublojn kaj duonrublon da trinkmono. Sed la laboro devas esti bona. Mi ŝatas akuratecon. *Lady, ruhig!*

— *Papa*, pro kio ĉi tiu homo dormas? Pli rapide, — nerveme eksonis el sub la blanka ombrelo kaj el sub la ruĝa eĥis:

— Ah, pli rapide!

Fariĝis subite terure mallume kaj Maigais vidis, ke tra la lumo kruce fulmis flamaj strekoj. Nenion konsiderante, li komencis mallerte prepari sian aparaton.

Sed ĉiuj objektoj glitis el liaj manoj kaj el lia kapo ne eliris vidaĵo vidita foje en cirko: klaŭnoj embarasiĝis kaj ridigis la publikon pli ol duonhoron per amerika rapidfotografanta aparato. Ŝajnis al li, ke tuj, ke tuj eksonos rido kaj aplaŭdoj de l' aŭskultantoj kaj rigardantoj.

— Rapidu do, — la bienhavanto lin vigligis jam tute ofendite, ĉi tie oni ja povas morti pro la malbonodoro.

— Tuj!

— Ŝi estas ekzemplero de tre malofta speco, —

## AL MIA PATRINO

HEINRICH HEINE

I.

Mi ne inklinas timi superulojn,
Fiero diktas agi neafekte,
Se eĉ la reĝo min rigardus rekte,
Mi certe ne mallevus la okulojn.

Sed en ĉeesto dolĉa kaj trankvila
De vi, patrino kara, min forlasas
La obstinemo, la fiero pasas,
Kaj min ekregas sento plej humila.

Animo via venkas min mistere.
Animo alta, kiu saĝe, klere
Kun brilo sin eksvingas supertere.

Kaj tamen zorgo premas la memoron,
Ĉu kontraŭvole verŝis mi doloron
En vian, tiel min amantan koron.

II.

Mi iam vin forlasis pasiplene,
Travagi volis mi la tutan teron,
En koro firmtenante la esperon,
La *amon* fine kapti ĉirkaŭprene.

En ĉiu strato serĉis mi la amon,
Ĉe ĉiu domo manon mi etendis,
Almozpetante la rigardojn sendis,
Sed moke oni donis nur malamon.

Kaj vage serĉis mi la amon ĉiam,
Sed amon, amon trovis mi neniam,
Malsana mi revenis kaj sen amo,

Jen *vi* salutis min komprene-varme,
Kaj en okuloj viaj ĝoje-larme
Ekbrilis — la serĉita, dolĉa amo.

El la germana: *Zanoni*

diris la bienhavanto, skuinte la kapon direkte al la hundino, kiu sidis malgaje mallevinte la kapon, dum la hundidoj rampis kaj ĝemis. — Kvindek rublojn mi pagis por ĝi . . . Hundidoj ĉiujare po du, po kvar . . .

La hundino leviĝis, lame iris ĉirkaŭ siaj idoj kaj ilin lekis.

— Pli rapide! — vigligis la bienhavanto — ŝi foriros . . .

Maigais deŝiris de la aparata tubo la kovrileton, kaj post du, tri momentoj ĝin denove surmetis. Laŭ kutimo li ekrigardis sub la nigran tukon, ĉu la fotografaĵo estas bona. La hundidoj estis videblaj ĉiuj kvar, sed de la patrino restis nur pinto de vosto.

— Nu, — ekdemandis la bienhavanto senpacience, — ĉu bone?

— Bone! — kvazaŭ el tombo eksonis sub la nigra tuko.

Forprenante la tukon Maigais preskaŭ renversis sian aparaton. Pala kaj kovrita de ŝvito li denove ĝin ordis.

— Fi, kia enuiga homo! — diris la fraŭlino duonvoĉe, sed tiel, ke estis bone aŭdeble.

Ambaŭ ombreloj malaperis post la arbustoj.

La boatisto de l' fotografisto denove sidis sur la riverbordo kaj manĝis sian panon. Subite li ekvidis Maigais'on, kiu kiel ventego kuregis de la monto malsupren, svingante kaj tremigante la aparaton tiel, ke en ĝia interno nur aŭdiĝis sonorado kaj krakado. Li ne kuris al la boato sed rekte al la rivero. La boatisto ekrigardis la akvon, ekrigardis Maigais'on, klinis la kapon kaj denove demordis unu pecon. Duonferminte la okulojn li ekrigardis la sunon, kaj verŝajne pensis ke nun estas la plej bona vetero por naĝado.

Sed la fotografisto ankoraŭ ne kuris dronigi sin. Ĉe la bordo li flankeniĝis kaj falis en la boaton.

— Veturu, veturu! . . . — li ĝemis kaj preskaŭ svenis.

— Je-es . . . oni devas veturi . . . — la boatisto malrapide moviĝis al sia sidloko kaj ekkraĉis en la manojn.

— Veturu! — Maigais ekkriis.

En la okuloj de l' boatisto ekbrilis sincera scivoleco.

Maigais jam ne konsciis, kion li faras. Li kunpremis pugnon por bati.

— Nu . . . nu — ekmurmuris la boatisto kaj en liaj okuloj krom scivoleco ekbrilis ankoraŭ io alia, — nu . . . nu . . .

Kaj dum la tuta vojo li iam post iam ekrigardis Maigais'on kaj murmuris . . . nu . . . nu . . .

Sed Laicen ĉiam pli kaj pli proksimiĝis kaj super la tegmentoj kaj kamentuboj al Maigais denove ridetis la seka vizaĝo de Dora Garmat. La fotografisto pro tiu ĉi rigardo eksentis ion similan al homo, kiu devas kuŝiĝi en malprofundan, varmiĝintan akvon, de ansera lageto, sur kies supraĵo naĝas glitaj mukoj kaj en kies fundo svarmas kaj kurbiĝas diversaj vostaj kaj multpiedaj kreitaĵoj.

En la ĉambro li tiel ĵetis la aparaton, ke ĝi sonorante kaj krakante ruliĝis en angulon. Li ne kredis, li ne volis kredi, ke li denove estas devigita vivi en ĉi tiu sufoka krepuska ĉambreto, sen sia bela romantika sonĝo.

Li ne povis vivi sen ĝi . . .

Elkurinte straten li deŝiris la tie elpendigitan montran kesteton kaj ĵetis ĝin teren tiel ke la vitro rompiĝis je malgrandaj pecetoj. En la ĉambro li rompis la solan poton en kiu kreskis duonvelkinta gloksinio, li rompis kelkajn vitrajn kadretojn, li volis rompi ankaŭ la malgrandan speguleton, sed ekrigardante en ĝin, li ekvidis sian vizaĝon, hontis kaj ĝin ne disrompis. Sidinte duonhoron li leviĝis malrapide, kunkolektis la vitropecojn kaj elpreninte monujeton komencis kalkuli kaj konsideri. Longe li kalkulis kaj pripensis kaj fine apogante la kapon sur la manon eligis pezan ĝemspiron. — Sepdek kopekoj mankis, por ke oni povu ĉion rompitan ripari konvene.

Kaj li vivos kaj riparos, riparos kaj vivos . . .

El la latva: *Ed. Jaunvalks*

---

# LA SILENTO

**EUGEN RELGIS**

La silento gutverŝas en mian animon — kiel la gutoj en lagon misteran — la momentojn de la eterneco, pezajn pro la volo al la vivo.

La silento min volvas en demandajn rondojn sen respondo — ĝi frostotremigas min per enigmoj, kvazaŭ bolante trakurantaj la sangon.

La silento murmuras en mi kiel dio kreanta — kaj la mondo de la rememoroj ŝajnas al mi mondo, kiu *estos* iam.

La silento sin etendas en mi, kiel la senfino plena de steloj — kaj en mi longe vibras la kanto vekita de la mondharmonio.

La silento min portas tra la paradizo de la puraj — kaj mi sentas, ke mi estas *unu* kun ĉiuj spiritoj liberiĝintaj.

La silento pereas en mi, kiel nubo, kiam ĉirkaŭ mi bojas la vivo de la karno, — kaj mi denove estas enkarcerigito sopiranta la eternan Silenton.

El la rumana: *T. Morariu*

# ANTAŬ LA KONGRESO

### BURLESKO EN UNU AKTO (FINO)

OKA SCENO

*Mallerta:* Kara majstro! (Li formetas la balailon; paŭzeto; furioze li faras tumulton movante la seĝojn; rigardas tra la bordo; timemete:) Ĉu ili estas for? (Li svingas la pugnon por frapegi la tablon, sed li efektive nur frapetas dirante:) Mi ankoraŭ estas . . . (Li rigardas denove tra la pordo.) Jes, ŝi estas for. (Li frapas pli laŭte kaj diras pli laŭte:) Mi ankoraŭ estas la estro en mia domo! (Kriegas kaj frapegas:) Mi, mi, mi!

(La ideto vekiĝas kaj ekploras.)

*Mallerta* (lulas lin): Ho, jen nova embaraso. (Li kantas.)

Dormu fileto, plej ĉarma karul',
Dorme fermiĝu nun via okul'.
Ĉio silentas, do dormu infan'.
Muŝojn forpelas patrina la man'.

(La infano daŭras plori.)

NAŬA SCENO

*Mallerta* (en embarasiĝo): Ho, jen venas la fianĉo de mia filino. (Li kuradas sendecide tra la ĉambro, serĉas lokon, kien li kuŝigu la ideton.)

*Timulo* (la fianĉo, eniras): Bonan tagon, sinjoro Mallerta. (Etendas al li la manon.)

*Mallerta* (volas doni al li la manon, sed ne povas lasi la infanon, donas la infanon al Timulo kaj etendas nun siaflanke la manon. Nun kompreneble Timulo ne havas la manojn liberaj. Timulo redonas la infanon al Mallerta, ĉi tio redonas ree al Timulo); Do?

(La unu ĉiam tenas la ideton, la alia etendas la manon kaj inverse [kelkajn fojojn]; fine Mallerta kuŝigas la infanon sur la plankon, nun ili povas doni la manojn unu al la alia, tio okazas.)

*Mallerta:* Ho, mi estas tute konfuza. (Donas ree la infanon al Timulo.) Momenton, mi vokas mian edzinon. (Kuradas tumulte, vokas:) Rozalio, Rozalio.

*Timulo:* Prenu mi vokos Injon. (Li redonas la ideton, vokas): Injo. Injo.

(Ambaŭ kuradas tra la ĉambro.)

*Mallerta* (donas ree la ideton al Timulo): Mi vokas mian bopatrinon. (Vokas:) Bopatrino, bopatrino.

(Subite akvogutoj falas el la vindaĵo.)

*Timulo* (malespere): Sinjoro Mallerta, sinjoro Mallerta, pluvetas!

*Mallerta* (malespere, ĉiam kurante tra la ĉambro): Ombrelon, ombrelon! (Timulo postkuras lin por doni al li la ideton.)

DEKA SCENO

(Ĉiuj revenas escepte Kristianeton. Unue eniras la onklo, al kiu Timulo rapide donas la ideton; poste li faletas en la brakojn de Injo; Mallerta faletas malespere sur seĝon; la bopatrino rigardas la scenon per la lorneto; Rozalio forprenas de l' onklo la ideton.)

*Rozalio* (kolere): Apenaŭ mi estas for kaj jam li faras stultaĵojn! (Li rekuŝigas la infanon en la veturileton. Al Timulo): Pardonu, sinjoro Timulo, vi sidas, ke estas vera martiraĵo havi tian mallertan edzon.

*Bopatrino* (skuas Mallerta'n): He, Kristiano, ĉu vi komplete konfuziĝis, jen si sidas kiel amaseto da mizero! Nu, mi pardonas al vi, ke vi irigis nin senbezone tra la terura varmego.

*Mallerta:* Senbezone? Pro kio vi jam revenas?

*Bopatrino:* Ho, la karavano alvenos ja multe pli poste. Ĉu vi ne sciis tion?

*Rozalio:* Ne demandu lin, li entute ne scias ion, nenion li scias, la stultulo.

*Onklo:* Rozalio, ĉu vi ne volas min prezenti al la sinjoro?

*Injo:* Pardonon, mil pardonojn, avino, onklo; mi tute forgesis. Permesu, ke mi prezentu al vi mian fianĉon.

*Bopatrino* (alproksimiĝas tute proksimen al Timulo, ekzamenas lin tre detale per la lorneto): Vi tre plaĉas al mi, mi kore gratulas. (Al la gefianĉoj:) Fariĝu feliĉaj.

*Onklo* (al Timulo): Kaj mi, mi iomete kompatas vin; tamen vi estas brava viro, kuraĝa viro.

*Injo* (ofendite): Sed onklo, ni ja amas unu la alian.

*Onklo:* Nu, pro mi, amu vin! (La gefianĉoj interkisas, la onklino kun ekkrio deturnas la vizaĝon, la onklo tenas sian poŝtukon antaŭ sia vizaĝo, por ne vidi la kisadon.)

*Onklo:* Ĉu vi finis?

*Injo:* Jes, onklo, sed ne estu ĵaluza, jen, ankaŭ vi havu kison. (Ŝi kisas lin.)

*Onklo* (unue defendas sin, sed poste li pretigas sian buŝon; post la kiso): Ha, kiel delikate! Injo, ĉu eble — vi havas ankoraŭ unu?

*Injo* (kisas lin plurajn fojojn).

*Onklo* (radias pro ĝojo).

*Bopatrino* (malice): Ha, ha, jen la fraŭlo kaj malamiko de virinoj! Do prenu kison ankaŭ de mi. (Alproksimiĝas por lin kisi.)

*Onklo* (defende kaj rifuze forkuras).

*Bopatrino:* Ho, la malĝentilulo!

DEKUNUA SCENO

(Oni frapas ekstere.)

*Rozalio:* Eniru!

*Sendito* (eniras): Bonan tagon, gesinjoroj. Mia grupestro sendis min. Sinjoro Mallerta, bonvolu tuj veni, estas urĝa tempo iri stacidomen, se ni ne volas maltrafi la atenditan karavanon.

*Mallerta:* Bone, bone, mi tuj venos. (La sendito foriras. Al Rozalio): Ĉu ne, Rozalio, mi havas nun permeson foriri?

*Rozalio:* Jes, mi ne plu bezonas vin, vi nur ĝenas ĉi tie. (Mallerta eliras.)

*Onklo:* Ha, ha, ha, mi dankas Dion, ke mi ne prenis edzinon, kiun mi devus demandi, se mi intencus fari ion. Mi estas libera homo.

*Bopatrino:* Vi, sendankulo, kie estus la viroj, mi demandas vin, kie estus ili, se la virinoj ne estus?

*Onklo:* En la paradizo, karulino, en la paradizo!

*Mallerta* (revenas, alportas sian pantalonon): Pardonu, kara Rozalio, mi volis vesti mian novan pantalonon, kiun la tajloro alportis hieraŭ, sed mi konstatis, ke ĝi estas iomete tro longa, bonvolu fortondi unu manlarĝon.

*Rozalio* (kolere): Ho, ĉiuokaze li ĝenas min. Mi ne havas tempon. Vestu ĝin tia, kia ĝi estas. Dum la kongrestagoj mi ne okupas min je tiaj bagateloj.

*Mallerta* (humile:) Rozalio, unu manlarĝon.

*Rozalio:* Ĉu ne sufiĉas mia unufoja „ne"?

*Mallerta* (eliras): Kara majstro!

*Onklo:* Ho, la kompatindulo. Ĉi tiu peton vi facile povus plenumi, kara Rozalio.

*Rozalio:* Tiun vi ne komprenas, onklo.

*Onklo:* Nu, mi ne ŝatas enmiksiĝi en viajn geedzajn aferojn, sed, — alia afero, mi supozas, ke mi iomete malsatas.

*Rozalio, Injo kaj Bopatrino* (eksaltas): La onklo malsatas, la onklo malsatas!

*Injo:* Kie estas la kuko, patrino?

*Rozalio:* Ho, kia embaraso. La sukeraĵisto ja ankoraŭ ne alportis ĝin! (Ŝi vokas tra la pordo:) Kristiano, Kristiano!

*Mallerta* (revenas tenante ankoraŭ la pantalonon): Ĉu vi volas? (Li estas dononta al ŝi la pantalonon.)

*Rozalio* (forŝiras ĝin el liaj manoj kaj metas ĝin sur seĝon): Stultulo! Alian komision mi havas por vi. Tuj iru al sukeraĵisto kaj aĉetu kukon, sed rapidu!

*Mallerta:* Ĉu mi?

*Rozalio:* Jes, vi, kiu alia?

*Mallerta:* Tio estas via afero!

*Rozalio:* Mia? Kion vi pensas? Pro kio mi ja havas *vin?*

*Mallerta:* Sed Injo?

*Rozalio:* Sidas ĉe sia amato, ne ĝenu ŝian feliĉon.

*Mallerta:* Kristianeto?

*Rozalio:* Ne ĉeestas. Ne kontraŭdiru konstante. Jen la mono, jen la korbo, iru. (Ŝi donas la monon kaj korbon kaj forŝovas lin.)

*Mallerta* (elirante). Kara Majstro!

*Rozalio* (ekĝemas): Ho, kian ĉagrenon mi havas kun tia edzo.

*Onklo:* Kompatinda Kristiano. Mi ne bezonas iri aĉeti kukon. Ja, ja, tio estas la sekvo de l' nepripensitaj kisoj. Sed mi trovas, ke estas terure varme en la ĉambro.

*Rozalio:* Do ni iru en la ĝardenon, ĝis kiam Kristiano revenos. En la ĝardeno estas agrable malvarmete; ĉu vi konsentas?

*Injo:* Jes, ni iru. (Ĉiuj eliras. La onklo volas enbrakigi la bopatrinon, sed ŝi kolere rifuzas. La gefianĉoj iras lastaj. Antaŭ la pordo Injo retenas Timulon, diras mallaŭte): Ni restu.

## DEKDUA SCENO

*Injo:* Ili estas for.

*Timulo:* Ho, vi, ruzulino!

*Injo:* Bona ideo de l' onklo, ĉu ne? Dum la tuta tempo mi sopiris esti sola kun vi.

*Timulo:* Kiel ĉarma vi estas! (Ĉirkaŭprenas ŝin.)

*Injo:* Ĉu vi amas min?

*Timulo* (kisas ŝin): Pli ol ĉion en la mondo!

*Injo* (elŝoviĝas el liaj brakoj): Ne tiel fervore! Venu, ni sidiĝu kaj babilu. (Ŝi pretigas la seĝon, sur kiu kuŝas la pantalono de l' patro; ŝi levas la pantalonon.)

*Injo:* Ho, la kompatinda patro! Ĉu ne, ni faru al li la komplezon. (Ŝi serĉas tondilon.) Kiel li diris? Unu manlarĝon?

*Timulo:* Ĉu mi helpu vin?

*Injo:* Ho jes. *Mi* fortondos pecon de l' maldekstra kaj *vi* pecon de l' dekstra kruro. (Ili fortondas kaj forĵetas la pecojn.)

*Injo:* Aŭskultu! (Ambaŭ ekaŭskultas.) Oni venas certe por serĉi nin. Venu! (Ŝi fortiras lin, ili foriras tra la k o n t r a ŭ a pordo.)

*Bopatrino* (aperas): Kie mi nur lasis mian lorneton? (Serĉante): Sen ĝi mi ne povas vidi ion. (Trovas ĝin sub la pantalono, rigardas la pantalonon per la lorneto) Ho, la kompatinda viro! (Etendas la pantalonon.) Ĝi estas certe tro longa. Kiel li diris? Unu metron? (Meditas.) Ho, ne! unu manlarĝon. Bone, kara Kristiano, mi helpos vin, kvankam vi eble ne meritas tion. (Ŝi fortondas, forĵetas la pecojn, montras la pantalonon al la publiko:) Espereble ĝi nun estas ĝusta. (Foriras tra la kontraŭa pordo.)

*Onklo* (aperas): Kien ili metis mian kofron? (Serĉas.) Ah, jen, mi fariĝas iom forgesema en mia aĝo. Volis mi ĝus paroli kun Rozalio pri la plej nova moderna romano sed — ĉu vi kredos tion? — mi tute forgesis la titolon. (Dum tiuj vortoj li malfermas la kofron.) Nu, kie estas la libro? (Li serĉadas en la kofro, elprenas plej diversajn, parte strangajn objektojn, kiel ĉemizojn, noktoĉapon, boteletojn, pantoflojn ktp., metas la objektojn sur la tablon.) Ha, kompreneble, tute malsupre! (Formetas la objektojn en la kofron, kaptas laste la pantalonon.) Haltu, preskaŭ mi ankaŭ ĉi tiun forpakis. (Rigardas la pantalonon etendante ĝin kontraŭ la publiko.) Kompreneble ĝi estas tro longa. Bone, se la inoj ne estas kapablaj fari tion, kara Kristiano, mi, via onklo, helpos vin. Tio estas malgrava laboro. Unu manlarĝon li diris? (Fortondas.) Jen, espereble li nun estos kontenta. (Montras al la publiko, prenas la libron, foriras tra la kontraŭa pordo.)

*Rozalio* (aperas): Ĉu li ankoraŭ ne revenis? Estas ne plu tolerebla kun ĉi tiu viro. (Rigardas tra la fenestro.) Jen li venas, sed kiel malrapide, kvankam mi ordonis al li rapidi. (Vokas tra la fenestro); Kristiano, rapidu do! Ho, la mallaboremulo! (Trovas la pantalonon.) Ha, la ĝena pantalono! Prenas rapide la tondilon, fortondas pecon, ĵetas la pantalonon sur seĝon.) Jen, nun li lasos min en paco.

## DEKTRIA SCENO

(Mallerta revenas, kun li ĉiuj aliaj.)

*Rozalio* (kolere): Tio daŭris tre longe. (Ŝi forŝiras de li la korbon.)

*Onklo:* Ve al la kafo, ve al la kuko!

*Bopatrino:* Ho, kiel vi ŝvitas! (Forviŝas la ŝvitogutojn de la vizaĝo de Mallerta.)

*Rozalio:* Li ŝvitas pro mallaboremo.

*Onklo:* Ne estu maljusta! Mi devas konstati, ke li estas tre kompleza edzo.

*Rozalio:* Kiu ĉagrenas min ĉiuokaze per siaj senutilaj kontraŭdiroj. Ho, kia malfeliĉa, trompita edzino mi estas. Antaŭ nia geedziĝo li konstante diris, ke li povas formanĝi min pro amo. (Ŝi ekploras.)

*Mallerta:* Ho, ke mi ja estus farinta tion!

(Dum tiu ĉi sceno Injo kaj la bopatrino aranĝis la tablon: kafujo, tasoj, kuko, ktp.)

*Rozalio:* Sed sidiĝu do, patrino, onklo, vi ja estas tiel terure malsata. (Injo, Timulo, bopatrino, onklo sidiĝas ĉirkaŭ la tablo.)

(Oni frapas ekstere.)

*Mallerta:* Eniru!

(La sendito aperas denove.)

*Sendito:* Sinjoro Mallerta, estas nun plej urĝa tempo, la grupestro ne povas atendi pli longe. Li komisiis min, nepre kunvenigi vin kun mi. Do, ĉu vi estas preta?

*Rozalio:* Nu, kion vi ankoraŭ atendas, vi povas foriri, jen via pantalono. (Mallerta foriras.)

*Rozalio* (al la sendito): Bonvolu sidiĝi momenton ĝis kiam mia edzo estos preta. Estu nia gasto.

*Sendito:* Mi dankas pro via afabla invito. Permesu gesamideanoj, ke mi prezentu min. Mi estas la pedelo de nia Esperanto grupo: „Obstineco kaj energio".

*Onklo* (leviĝas): Kaj mi salutas vin en la nomo de nia „Unuiĝo de Esperantistaj Fraŭlaj Onkloj".

*Sendito:* Tre agrable.

*Bopatrino* (leviĝas): Kaj mi salutas vin en la nomo de l' Unuiĝo de Esperantistaj Bopatrinoj Ĉiulandaj. (Frapas sur la tablon): Morgaŭ ni ŝanĝos la Fundamenton!

*Sendito:* Kia honoro.

*Rozalio:* Onklo, vi ja estas tiom malsata, mi opinias.

*Onklo:* Momenton, karulino, unu momenton! (Li tintigas la kafotason, leviĝas): Karaj gesamideanoj! Ne estas plu malproksima la horo, kiam nia grandioza mondfesto solene malfermiĝos. Kun malpacienco ni ĉiuj atendas ĉi tiun momenton. Sed antaŭ nia ekmarŝo kongresen, kaj por bone komenci ĝin, por honori ĉi tiun tagon, por honori la memoron de nia neforgesebla Majstro, mi opinias, ke nepre decas, ke el nia malgranda rondo nia kara Himno eksonu, ke ni pruvu per tio, ke ni estas veraj, seriozaj, fervoraj esperantistoj. Leviĝu, gesamideanoj, eksonu nia kanto!

*Ĉiuj* (leviĝas, Injo rapidas al la fortepiano, kelkaj akordoj, ĉiuj kantas ne tro laŭte):

En la mondo venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko . . .

(Dum la kantado oni aŭdas bruadon, piedobaton. Mallerta aperas, per la multe tro mallonga pantalono, oni vidas la kalsonon ĝis super la genuoj. Terura vizaĝo, tre kolera.)

*Mallerta* (pugnigas la manojn kaj kriegas tuj post la vortoj: „forta voko"): Ĉu mi estas kanibalo?

(Oni atentu, ke Mallerta ĝustatempe aperu kaj ke liaj vortoj: „Ĉu mi estas kanibalo", estu kvazaŭ la daŭrigo de l' kantado. Poste la virinoj ekkriegas, la onklo kaj Timulo ekridegas.)

*Mallerta* (staras rezigne, kunbatas la manojn super sia kapo kaj diras): Kara Majstro!!!

(La kurteno falas malrapide.)

*Kristiano Mallerta*





Fritz von Uhde „Lasu la infanojn veni al mi!"

# ARTO KAJ ARTISTOJ

PAULO VARSÁNYI: FRITZ VON UHDE

Esplorante la linion de l' evoluo, kiun la arto faris prezentante la figuron de Kristo laŭ diversaj tipoj, komence de la ikonoj de l' malnovkristanaj postrestaĵoj ĝis la nuntempo, ni povas konstati ke dum la pasintaj centjaroj la figuron de Kristo kreis ĉiam la ĝenerala spirito de l' epoko. En la bizantia epoko Kristo estis malvarme rigora dio, punanta senkompate; ĉi tiu tipo iom post iom perdis iom el sia rigideco kaj mildiĝante leviĝis el la korpaj katenoj al transcendaj mondoj; en la renesanco, sub la efiko de l' epokspirito, Kristo estis ideale bela viro, vivanta — en kontraŭo al la asketa bizantia tipo — en plena harmonio de l' korpa kaj anima vivo; ĉi tiu idealigita tipo regis en la arto dum longa tempo. Sed io mankis el ĉi tiuj tipoj: la Kristo de l' Nova Testamento.

„. . . alpreninte la formon de sklavo, fariĝinte laŭ la similaĵo de homoj; kaj troviĝinte laŭfigure kiel homo, li humiligis sin . . ." — diras apostolo Paŭlo. (Let. al la Filip. 2., 7.) *Rembrandt* estis la unua artisto, kiu starigis la figuron de Kristo en la ĉiutagan vivon de l' homoj laŭ la pura spirito de la Nova Testamento. „La plej grandiozaj homaj trajtoj miksiĝas ĉi tie (en la Nov. Test.) al la esprimiĝo de l' doloro kaj majesteco, la plej belaj gestoj desegniĝas sur la malhela fono de l' kataklismo, la plej ideala boneco, la larmoj, kortuŝoj kaj doloroj de l' senfina kompato alternas ĉi tie kun la sonoraj voĉoj de l' malesperiĝo." Rembrandt: „tenas en siaj manoj ambaŭ finojn de l'fulmo. Li perceptas kaj sorbas en sian animon ĉiujn larmojn, veojn, ĝojojn, dolorojn kaj esperojn de l' homaro kaj montras al ni Dion tiel, kiel li konas Lin: la martiron de niaj suferoj". Ĉi tiuj neforgeseblaj vortoj de *Emile Verhaeren* belege esprimas al ni tiun interrilaton, kiu ligas la animon de l' genio al Dio. Rembrandt leviĝis el la eklezia dogmatismo kaj eksentis tiun mirindan interrilaton, kiu ligas la figuron de Kristo al la ĉiutaga homa vivo, al la ĝeneralaj homaj klopodoj. Li starigis la figuron de Kristo en sian epokon, sed nur laŭ ekstero, ĉar en lia arto la animo de Kristo estas eternigita kiel revelacio de eterne belaj homaj trajtoj.

Krom Rembrandt estis nur tre malmultaj pentristoj, kiuj povis eksenti en Kristo la homan genion perfektiĝintan je Dio: inter ili estas *Fritz von Uhde.*

*

*Fritz von Uhde* (1848—1914) komence studadis en München kaj pentris tie laŭ la kolormiksado de *Piloty* kaj *Makart.* Poste li iris

Parizon kaj venis en la atelieron de *Munkácsy* (1879), sub kies efiko li komencis verki genrobildojn. Liaj bildoj ekspoziciitaj en 1880. montras la efikon ankaŭ de l' francaj impresionistoj. Tiaj estas: „La kantistino", „Familia koncerto". Post la instigado de *Liebermann* li vizitis ankaŭ Nederlandon, kie lian atenton katenis novaj lum- kaj kolorproblemoj. Tie pentritaj bildoj estas: „Kudristinoj", „La gurda homo". En 1883. li loksidiĝis en München, pentrante genrobildojn kaj sian unuan religian bildon: „Lasu la infanojn veni al mi" (1884), kiel la unuan pecon de sia dumviva arta programo.

Ĉi tiu bildo estas apoteozo de la infana animo, psikologia majstroverko, unu el la plej mirindaj verkoj de la kreanta arto. Tiun amon, kiu ligas Jesuon al la infanoj, ankoraŭ neniam povis esprimi bildo tiel belege, kiel ĉi tiu. Ni vidas Jesuon sidanta en vilaĝana domo. La mildaj trajtoj de lia vizaĝo radias senfinan amon, kiu kunligas la figurojn je intima familio kaj plenigas la tutan ĉambron. Jesuo sidas kiel varmkora, amoplena instruisto, kies voĉon aŭskultas la infanoj kun naiva animo. Unu el ili, kun sia infana instinkto, eksentis la varmon de l' amo radianta el Li kaj kuŝigas sian kapon sur lia genuo — kaj Jesuo kareseme tenas sur ĝi sian manon. Per la alia mano li tenas la maneton de alia infano, kiu rigardas en liajn okulojn kun rava infana naiveco. Unu el la infanoj, kun siaj kunkroĉitaj fingroj kaj mirantaj okuloj montras tian grandiozan psikologian karakterizon de la naiva, infana atento, kiu estas senkompara. Sur la vizaĝo de unu el la knabinetoj — kiu tenas sian fingron en sia buŝo kaj kiun la patrino kuraĝigas — elradias aparta ĉarmo de infana timemo.

Plumo apenaŭ estas kapabla priskribi tiujn sentojn, kiujn vekas la bildoj de Uhde, — sed senkulpigu nian provon tiu sugestia forto de liaj bildoj, kiu kvazaŭ devigas nin esprimi ilin ankaŭ per vortoj.

En la alia bildo: „Venu, Sinjoro Jesuo kaj estu nia gasto" ni vidas Jesuon en vilaĝa ĉambro, diranta tablobenon, ĉirkaŭata de simplaj homoj, en kies okuloj kaj movoj la spegulîgo de l' amo, kredo kaj admiro estas karakterizita kun neesprimeble kortuŝa intimeco. La „Lasta vespermanĝo" laŭ psikologia profundeco estas unu el la plej belaj bildoj de Uhde. La vizaĝo de Jesuo estas transspiritiĝinta per ia mistika doloro: antaŭsento de la proksimiĝanta morto. Lin ĉirkaŭas simplaj homoj, ŝiritaj de la krudaj veteroj kaj kruda laboro. Iliajn vizaĝojn tamen mildigas la amo kaj ili rigardas la Savanton kun senlima pieco, kredo kaj atento. La Jesuo de la „Surmonta parolado" (1887) aperas antaŭ ni kiel migrulo, kiu dumvoje ripozas inter la kamparanoj kaj kun milda voĉo donas esperon al la lacaj homoj. La „Sankta vespero" prezentas al ni Jozefon kaj Marian kiel senhejmajn migrantojn, kiuj alvenas en vilaĝon kaj serĉas restejon por la nokto. Estas vintra tempo kaj neĝo kovras la teron. Maria lacigite apogas sin al barilo de vilaĝfina domo, kun la langvora esprimo de patrineco, dum ŝia edzo serĉas lokon. La sekvanta bildo estis: „La sankta nokto", Ni vidas garbejon, en kiu ripozas la Virgulino sur pajlo, preĝante super la etulo. La garbejon plenigas admirinda intimeco de amo. La vizaĝo de l' Virgulino banas sin en lumo, radiante misteran rebrilon de ĉiela revo kaj ŝiaj okuloj spegulas mistikan piecon: la piecon de la eterna, dolĉe dolora patrineco. La varmo de l' patrina amo ĉirkaŭplektas la garbejon per la sorĉo de fabeloj kaj ni preskaŭ aŭdas la ĥoron de la anĝeloj venantaj el la ĉielo. La bildoj: „Rifuĝo en Egipton", „La adiaŭo de Tobiaso", „Noli me tangere", „La prediko apud la lago", „Kristo kaj Nikodemo", „Entombigo", ktp. estas priskribeblaj nur per la vortoj de l' senlima admiro.

*

Nun, kiam ni vidis tiun sferon de l' sentoj, kiuj saturis la animon de Uhde kaj inspiris lin al grandiozaj verkoj: ŝajnas antaŭ ni preskaŭ nekredebla, ke la malbonvolo de l' artkritiko primokis lin kaj la tradicia konservativismo de l' eklezio kondamnis liajn bildojn je anatemo. Oni mokis lin pro la realismo de liaj bildoj kaj suspektis lin socialista agitisto. Oni diris pri la figuroj de la „Lasta vespermanĝo", ke ili estas rabistoj kaj pri St. Jozefo kaj la Virgulino, ke ili estas proletariparo; pri la St. Jozefo de l' „Sankta nokto" — kiu sidas en la malantaŭo, profundiĝinte en siaj pensoj — la malbonhumora kritiko moke diris, ke li maĉas siajn ungojn, ktp., ktp. La batalo kontraŭ li estis senkompata kaj tre malbela, iu havis kuraĝon eĉ distranĉi unu el liaj bildoj. Kvazaŭ malbenitaj je blindeco, oni ne rimarkis la tendencojn de lia arto. Ĉar kion faris Uhde? Li abomenis la senenhavajn formajn tradiciojn de l' ĝisnuna religia arto kaj trovis ilin ne aplikeblaj al la aktuala vivo. Li vidis la kamparanojn en ilia malriĉa kabano, inter la penoj kaj mankhavoj de ilia simpla vivo. Kaj li rememoris pri tiu Bonulo, kiu instruis kaj feliĉigis iam la simplanimajn fiŝistojn de la lago Genezaret, kaj kiu eble estas la sola vera konsolo ankaŭ por ĉi tiuj simplanimuloj. Ĉi tiun konsolon li pentris sur la vizaĝoj de ĉifonvestitaj malriĉuloj, lacaj rikoltistoj, naivaj virinoj kun la mirinda sentigo de ilia kortuŝa konfidenco kaj sinforgesa, pieca atento pri Li. La vortoj de Nova Testamento tra la animo de Uhde renaskiĝas je freŝa, vibra vivo kaj Kristo denove ekiras sur la Tero por konsoli kaj beni. Ĉar Li diris: „Mi estas kun vi ĝis la fino de l' mondo. Kie kunvenas en mia nomo du aŭ tri homoj, mi estas tie inter ili."

# MONDLITERATURA OBSERVO

## ANDREO ADY

La nova hungara literaturo, kiu venis kun la unuaj jaroj de l' jarcento, prezentis novajn gravajn talentulojn kun novaj direndoj kaj novaj formoserĉoj. Nova generacio petis lokon en la literaturo, kiu jam edukiĝis en la aero de la tiama transformiĝinta epoko. Kelkaj el ili fondis la revuon *„Nyugat“* (Okcidento) en 1908, kiu absorbis dum mallonga tempo preskaŭ ĉiun talentulon de la junularo. Ligitan estetikan aŭ politikan programon ĝi ne havis kaj ĝia redakta principo estis: lasi liberan elkuran lokon por ĉiu talento, sen la konsidero de mondrigardo aŭ stilo. Kaj vere, la plej diversaj individuecoj kolektiĝis ĉirkaŭ ĝi, kiujn estus malfacile dedukti laŭ komuna nominatoro, rilate ĉu mondrigardon, ĉu stilprincipon.

Sekvas laŭ la naturo de la aferoj, ke la plej grandan intereson elvokis la plej eminenta talento kaj la plej markante evoluinta individueco de ĉi tiu rondo: *Andreo Ady*, la lirikisto. Jam lia unua montriĝo ĵetis kontraŭ li grandan parton de la homoj, kaj poste li staris en la kuglopluvego de senĉesa pasia polemiko, ofte eĉ ne tre lojala, kiu eĉ nun, post lia morto, ne finiĝis. Kaj li staris la batalon, ĉar li estis batalema naturo, liajn kapablojn kreskigis la kontraŭstaro kaj ĉiam pli plene disvolvis lian individuecon. Lia pezo, ĝuste per la polemikoj, konstante kreskis, la multaj insultoj kontraŭ li metis lian personon en la centron de la publika atento. Estis tempo, kiam Ady kaj lia poezio estis la plej ĉefa diskut-temo en la hungaraj socíetoj. La diskutantoj ne rimarkis ke ankaŭ ilia diskuto estas pruvo ke Ady estas eksterordinara individueco, kiu devigas je starpunkto ĉiujn por aŭ kontraŭ.

Ady estas pura hungara sango, deveninta el tiu vilaĝa malgrand-nobelaro, kiu konservis el ĉiuj klasoj eble plej nemiksite la praan tipo-bildon de la hungara animo. Sed ĉi tiu malgrand-nobelaro estis samtempe la plej maltrankvila elemento, en la hungara historio ni vidas ĝin ĉiam en la opozicio de la ĉiamaj ekzistantaj statoj kaj en la batalvicoj de la ĉiamaj revoluciaj movadoj. Krome Ady devenas el la orienta parto de la antaŭmilita Hungario, kie la loĝantaro jam havas senperan rilaton kun la rumanaro kaj kie konstanta etnografia eroziva procedo plifortigas la internan maltrankvilon de l' gento, sed aliflanke apertas la interesiĝon de l' homoj en alia direkto, al la perspektivo de fremdaj kutimoj, vivformoj kaj vivperceptoj. Finfine ĉi tie trovas klarigon la duobleco kiu unuamomente montriĝas en Ady: la profunda sento de solidareco al sia gento de la hungara homo fiera pri sia nemiksita deveno kaj samtempe la perceptemo pri la fremdaj kultur-efikoj. Ankaŭ tre grava biografia noto ke, post la infanaj kaj studentaj jaroj pasigitaj kaj malŝparitaj en vilaĝoj kaj provincaj urboj, june li venas Parizon, ĉi tie li vivas plurajn jarojn, kun ekstazo li suĉas en sin la impresojn de ĉi tiu plej bela kulturcentro de l' mondo, ebriiĝas de ili, nur ilian brilon kaj grandon li vidas — kaj kiam el ĉi tiu perspektivo li rerigardas, hejmen, sian malgrandan genton, forfermitan de mondpotenco, malfruintan en kulturo kaj materia forto, fermitan inter modestaj kaj malvastaj vivoformoj, maldolĉeco kaptas lian koron. Lia impeta temperamento kaj june avida vivsopiro pliigite sentigas al li la doloron: aparteni al malgranda nacio — speciala doloro, kiun la filoj de grandaj nacioj apenaŭ povas trasenti. Tra la sunlumo de l' grandaj popoloj li sentas malluma la duonmalhelon, en kiu vivas lia nacio, kolero kaj malespero kaptas lin kontraŭ la malvasteco de l' hungara mondo, kontraŭ la tuta hungara tradicia vivordo kaj ĉi tiun sian senton li esprimas per poemoj, kies tono kaj tendenco rememorigas la Jeremiadojn kaj la malbenadojn de la malnovtestamentaj profetoj. Li ne estas afabla, facile alirebla poeto. La plej populara motivo de la populara liriko, la vivoĝojo, mankas el li; li sopiras, serĉas kaj nenie en la mondo trovas ĝin, despli ne en si mem. Lia vivosento estas instrumento neniam normale agordita. La doloro de eterna malpaco ŝiras, premas, konsumas lian vivoforton, — trankvilan, serenan momenton li ne havas, ne konas la feliĉan senton de l' forgeso; ĉagreno, amaro, kolero akompanas lin ankaŭ en la ekstazojn de l' amo, en la ebrion de l' alkoholo. Ekscitita, batalopreta poeto. Infane humila kontraŭ Dio, sed lia rilato ankaŭ al Dio estas konstanta diskuto, postulo kaj sopiro je paciĝo en Dio, sen ke li povus tion atingi. La morto ombras ĉiun lian penson, amon, gentosenton, filozofion.

Malhela montpejzaĝo estas la poezio de Ady. Sen ĉarmaj, verdaj valoj. Varma sunbrilo malofte ludas sur fajrerantaj rosoj de freŝaj floroj, ne aŭdiĝas alaŭdkantoj anoncantaj la ĝojon de l' vivo. Sed timigajn belaĵojn ĝi havas: profundajn abismojn, en kiujn kapturne oni rigardas kaj el kiuj la plej grandaj aferoj de l' vivo sin etendas antaŭ nin; altajn pintojn ĝi havas, kie malfermas sin por ni la plej malproksimaj perspektivoj; molajn deklivojn kiuj signifas kvazaŭ la momentojn de inertiĝo de la naturo eksieĝonta la ĉielon kaj post ĉiuj ĉi bildoj brilas forta suno egale akre ellevanta lumon kaj ombron. Super la malhela pejzaĝo sonoras muziko stranga, ĥaosa kaj tamen fandiĝanta en nedireblan harmonion, trombonoj de l' sferoj muĝas minace kaj mole, kun la voĉoj de neestingebla, eterna homa doloro, kiuj ŝiriĝas el senmorta sopiro kaj perdiĝas en la senfino de l' universo. Ne la muziko de l' formoj ĝi estas — Ady ne estis formartisto laŭ la precipa senco de l' vorto — sed la muziko de la superhoma vivosento, voĉo de homo, kiu volis fermi en sin la tutan vivon kaj la tutan vivantan mondon, kaj en ĉi tiu sia klopodo li svingiĝis trans la dimensiojn de l' vivo kaj ne povis plu relokiĝi en la sociajn kaj filozofiajn eblojn, falis en kosmajn perspektivojn — laŭ liaj propraj vortoj — „maltrans morto, trans vivo“. Depost *Goethe* ne estis en la literaturo simile universala vivosento, sed Goethe povis ne nur senti, sed ankaŭ regi la vivon, dum Ady falis en la batalo kontraŭ la vivo.

La speciale artan en Ady estas neeble sentigi al iu, kiu ne povas legi lian poezion kaj ĉefe, ne en originala lingvo. La vivosento en Ady tute fandiĝas en muzikon, ne en la muzikon de vortoj, rimoj kaj ritmoj; mem la materio muzikas en li kaj faras muzikaj la ritmojn, rimojn kaj vortojn. Nura senpereco, spontanea elŝpruco. Tute, sen resto doni sin — lia plej ĉefa poezia klopodo, tial li ne serĉas poezie fiksitan formon: li kaptas ĉiam la plej senpere donitan eblon de l' esprimo. La formo estas ĉe li esence ĉiam interna formo, difinita de la esprimenda materialo kaj la ekstera formo estas kiel eble plej simpla, ofte konkuranta kun la primitivaj formoj de l' popolpoezio. Sed se necese, li scias esti rafinite arta, en la arto de l' vorto, en la modulado de l' frazo neniu estas pli kompetenta ol li. La plej malfacile esprimeblajn, ofte eĉ la neesprimeblajn aferojn li scias esprimi. Ĉiujn artifikojn de la lingvo majstre li uzas. Ĉiu lia vorto kvazaŭ estus virga, kvazaŭ li uzus ilin la unan fojon. Al trivialaj esprimoj li donas novecon, forton, gravecon. Kaj ĉio estas organika ĉe li, la penso, la afekcio difinanta la tension de l' penso, la lingva esprimo, la verstekniko: diversaj funkcioj de perfekta korpo. Por li la poemo ne estas solvenda problemo, sed vivfunkcio. La poezio estis por li unu el la eblo<br>por vivi la vivon, nur pli grava ol la ceteraj. Pli grava ol ĉio, la konantoj de la vivo kaj individuo de Ady scias, ke li ne estis alio ol instrumento, Eol-harpo de monumentala liriko.

a. ŝ.

## EŬGENO RELGIS

estas el la nova, juna generacio de la rumanaj verkistoj. Larĝhorizonta humanitaristo, kies universale nobla mentaleco evidentiĝas ankaŭ en liaj filozofiaj verkoj („La literaturo de la milito kaj la nova epoko“, „Kolono inter minoj“, „La humanitarismo kaj la Internacio de l' Intelektuloj“, „La humanitaristaj principoj“, „Migradoj“, „La biologio de la milito“), ankaŭ en liaj poemaroj („La triumfo de l' Nesto“: fantaziaĵoj, „La frenezeco“, „Suno Leviĝanta“: japanaj skizoj“). Rimarkindaj estas liaj „poemoj en prozo“

pro la enhavataj simboloj kaj ritma muzikeco. Baldaŭ aperos de la sama aŭtoro romano-trilogio pri la interna vivo: „Petru Arbore“ kaj alia romano „Sur la monto de l' vivo“, en kiu li analizas la surdecon, kiel simbolon de la vivo fermita en la mio.

# BIBLIOGRAFIO

## IMMANUEL KANT: AL ETERNA PACO

Tradukita de Profesoro P. *Christaller*, kun antaŭparolo de l' eldonanto dro W. *Fricke* kaj kun parolo pri vivo kaj pensoj de Kant de dr Th. *Lessing*. Eldonejo: *La Batalanto*.

Jen la unua serioza paŝo farita de pacifistoj esperantistaj por atingi la intelektualan pacifismon forlasinte la sentimentalan. Vere jam estas tempo! La grandioza penso de l' eterna paco ne povas progresi, evolui, ĝis kiam la inteligentularo restos skeptika pri ĝi. Tial bone elektis la eldonanto la verkon de Kant por esperantigo. La granda prestiĝo de Kant silentigos tiujn, kiuj la eternan pacon rigardas utopio. Ili devas pripensi, ke Kant estis almenaŭ tiom saĝa, kiom ili, kaj tamen li verkis tiun ĉi libron.

La ĉefpenso de Kant estas: la valideco de l' moralo en la politiko.

La moralo kreis la ŝtatojn, registarojn, kiel organizaĵojn por regulado de l' rilatoj inter la individuoj, do ĝi kreos, plu evoluiĝinte, la organizaĵojn por reguli la rilatojn inter la ŝtatoj kaj popoloj. Se la leĝa stato anstataŭis la naturan staton (status naturalis) inter la individuoj, kial ne povus same okazi inter la ŝtatoj? Do Kant jene *pruvis* la *logikan eblon* de l' eterna paco.

Sed li volas pruvi ankaŭ ĝian *praktikan eblon*, eĉ *neceson*.

La utopiecon de l' eterna paco la homa racio ne povas pruvi per matematika certeco, do oni devas koncedi la (almenaŭ malgrandan kaj malproksiman) eblon de ĝia realiĝo. Ĝis kiam tio eblo ekzistas, nepardoneble pekas kontraŭ la homaro tiu, kiu ĉi tiun eblon malfortigas per esprimo de duboj kaj per skeptikismo. Ĉar la efektiviĝon de l' eterna paco plej malhelpas tiu cirkonstanco, ke la homaro ne kredas ĝin. *Vere ĉi tie la kredo jam estas ago!*

La homo nepre havas rajton je ĉia libereco kaj je ĉiaj ebloj donitaj al li de vivo kaj paco, sed rajto por milito ne imageblas. Tio ja estus kontraŭdiro: rajto por malrajteco, rajto, ke sen juro, perforte oni aranĝu juran demandon. La milito estas jura absurdaĵo, kies ĉesigo estas nia morala devo.

Kiel la militon, Kant same kondamnas ankaŭ la revolucion.

Kontraŭe, la ŝtatoj devas, per saĝaj reformoj, forigi la kaŭzojn de la revolucioj. Sed kiu donos la motivojn kaj direktojn por tiuj reformoj? (Ĉar la ŝtato ĉiam estas konservativa.) Jen la respondo de Kant: La gazetaro, la libroj de filozofoj kaj jurscienculoj. Ĉar la vero, se oni lasas ĝin publiki, aŭtomate validiĝas. La preslibereco forigos ĉiun revolucion.

Sed kiel solviĝas la problemo tie, kie ne ekzistas preslibereco? Je tiu demando Kant ne donas respondon.

La libro de Kant estas filozofia leĝprojekto. Komence estas provizoraj artikoloj. Ili estas negativaj kaj pritraktas la antaŭkondiĉojn de l' eterna paco, ekstermon de ĉio, kio malhelpas ĝin en la nunaj organizaĵoj. Ilin sekvas la definitivaj artikoloj, sur kiuj estas bazita la eterna paco.

La formo de l' efektiviĝo de l' eterna paco estas la jena: La ŝtatoj devas anstataŭigi la staton naturan per stato leĝa inter si. Por tio ili devas krei super si juĝistajn organizaĵojn. Sed Kant vidas, ke el tio rezultus la unuiĝo de ĉiuj popoloj teraj en ŝtategon, kio, ĉe la nun reganta naciista ideologio, neeblas. Tial li rekomendas anstataŭ tiu centrigo la liberan federacion similan al la nuna Ligo de Nacioj.

Ĉiu projekto por la efektivigo de l' paco eterna estas utopio, se ĝi estas bazita je la plibonigo de l' homa naturo. Sed Kant ne parolas pri tio, li volas montri, ke ankaŭ ĉe la nunaj spiritaj kaj moralaj kondiĉoj estas realigebla la eterna paco. Eĉ se al la nuntempa skeptika inteligentularo tute ne imponas belaj frazoj pri homaranismo, nova sento ktp., ili devas silentiĝi, kiam la Logiko parolas.

La stilo de Kant tute ne estas populara, ĝi estas malfacila, oni povus diri: malbona. Troviĝas frazoj pli longaj ol duonpaĝo. La eminenta tradukinto bone plenumis sian malfacilan taskon: tiel ekvilibri ĉi tiujn longegajn frazojn per lerta ĵonglado, ke la *senco* ne falu sur la teron. Sed multe pli valora estus lia laboro, se li estus provinta la veran popularigon de la libro per la transskribo, simpligo, plifaciligo de la teksto, per la distranĉo de la longegaj periodoj en simplajn, mallongajn frazojn. Min estus alloginta la tasko: fari tiel facile kompreneblan transskribtradukon, el kiu oni povus retraduki la verkon en la germanan lingvon — por populara eldono. Ja, pri la stilo de Kant jene parolas *Nietzsche* en la „Gaja Scienco“: „Kant, per maniero „ĉiun“ frapanta volis pruvi, ke ĉiu pravas: tio ĉi estis la sekreta ŝerco de lia animo. Li verkis kontraŭ la scienculoj kaj favore al la opinioj de l' popolo, sed per stilo por la scienculoj, ne por la popolo.“

Cetere, en la traduko apenaŭ riproĉeblas io. „Matemata“ estas stranga mallongigo, same nekutimaj estas „apriore“, „empire“ anstataŭ „apriorie“, empirie“. (Empiro“ signifas la epokon de Napoleono.) Stranga, kaj ankaŭ ĝena estas la konsekvenca uzo de dividsigneto inter la radiko kaj la afiksoj. (Ek-iri, mal-bona.) „Etato“ estas malĝuste uzata anstataŭ „ŝtato“ (pĝ. 82.). Sed ĉi tiuj estas bagateloj.

Kvankam la eminenta tradukinto ne celis kaj ne atingis la veran popularigon de la verko, li meritas grandan laŭdon pro la vere „heroa“ laboro plenumita. *L. Totsch*

## ALBRECHT DÜRER

Vivo kaj verkado de la fama pentristo. Dudekok bildoj pri liaj verkoj kun biografio kaj klarigo de *Hans Koch*, München. *Sudgermana Esperanto-Eldonejo*. 48 pĝ. Prezo: 1·40 germana marko.

Nia literaturo havas ankoraŭ malmultajn librojn verkitajn pri la kreantaj artoj kaj artistoj, des pli estas do ĝojinda kaj sekvinda la oferemo de la eldoninto de ĉi tiu libro

Lerte, bonguste aranĝita libro, kun bonaj klarigoj kaj bone elektitaj bildoj. Ni havas riproĉon nur pro la *nura* kataloga maniero de la teksta parto, kiu donas detalajn kaj bonajn komentariojn pri la bildoj, sed ne montras al ni la laborejon, en kiu ili kreiĝis: la interese individuan animon de l' artisto: mem la homon. Mankas el ĝi ia senta unueco, sugestianta percepti la internajn belaĵojn, sendependajn de la priskribebla, materiala enhavo. La aŭtoro povus defendi sin, ke mem la bildoj povas kaj devas malkovri siajn internajn belaĵojn kaj sugestie inspiri la homojn je pli alta percepto. Jes — sed pro diversaj intelektaj kaŭzoj la homoj grandparte ne estas kapablaj je la memstara vido, aŭ ili ne vidas bone. Tamen en kelkaj linioj de l' libro ni rimarkis almenaŭ la intencon de l' aŭtoro por disstreĉi la mallarĝan kadron de l' laŭkataloga pritraktado kaj peri al la leganto ankaŭ iom da sento.

Ni petas lin, ke estonte li pripensu la belegan moton de *Goethe* sur la unua paĝo de l' libro. „Ekzistas nek patriota arto, nek patriota scienco. Ambaŭ apartenas, kiel ĉiu alta bono, al la tutmondo . . .“ Estu do Goethe nia instruisto kaj ni sekvu lin: ni profundiĝu en la animon de l' artisto, kiu estas trezora mino de ĝeneralaj, grandaj homaj sentoj kaj ni montru tion, kion vidas nur malmultaj: la sentan komunecon, kiu levas lin el la mallarĝaj limoj de l' nacieco kaj igas lin komuna trezoro de la tuthomaro. *P. Varsányi*

# NIA KUNLABORANTARO

*Louise Briggs (Armley), J. Grau Casas (Barcelona), Helmi & Hilda Dresen (Tallinn), Nikolao Hohlov (Zagreb), Ivan H. Krestanoff (Dresden), A. Mazzolini (Fermo), Jan van Schoor (Antwerpen), Paul Medem (Kaunas), Tiberio Morariu (Bucuresti), Paul Nylén (Stockholm), Emma L. Osmond (London), Petro Stojan (Chisinau), M. Solovjev (Novi Sad), Dro Leono Zamenhof (Varsovio), Paulo Varsányi (Budapest), Raymond Schwartz (Paris), J. Jurista (Czénstochova), Stanislaw Braun (Lodz), Henriko Seppik (Tallinn), Julio Werner (Budapest), Daniel Eyquem (Paris), Zanoni.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró